OKTOBRO 1934 Aperas dekfoje dum la jaro OKA NUMERO




**Literatura • arta • ilustrita • revuo**

Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Mester ucca 53, V. 5

**Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.
La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

Grandioza romano pri

## CEZARO

verkita de la germankroata verkisto: Jelušiĉ kaj tradukita de Ivo Rotkviĉ estas la sekva libro de AELA. La romano donas al ni plenan historian bildon pri la fondinto de la roma Imperio, pri la homo kaj pri liaj celoj en tiom interesa, ekscita maniero, ke ĝi ne estas formetebla el la mano antaŭ finlego. Kvankam instrua kaj altnivela, ĝi konkuras el vidpunkto de streĉiteco kun la plej streĉaj detektivromanoj. La enhavon ĝuigas al ni la majstra traduko de nia konata kroata samideano, kiu uzis anstataŭ novaj, prefere kunmetitajn vortojn, tamen sukcesante majstri la kompaktan stilon de la verkinto.

La romano estas kaj restos unu el la plej sukcesaj de niaj tradukitaj verkoj kaj neniu bedaŭros la multajn horojn, absorbitajn per la legado de la granda, 500 paĝa verko. Kun bela kovrilpaĝo, sur bona papero, en formato de 20×13.5 cm. ĝi kostas broŝurita svfr 9.—, tolbindita 11.—, plus 10% sendkostoj.

Ĝin sekvas la originala novelaro de

## Hendrik Adamson:
## AULI

Historio de knabeto vilaĝa, la vilaĝana vivo estas la temoj de nia estona verkisto. Sed li trovas en la monotona vivo de la vilaĝanoj tiom da interesa, homa, groteska kaj malgaja fenomenoj, ke liaj noveloj estas tute elstaraj specoj en nia originala literaturo. Adamson estas individua verkisto, sed en tiu individueco li estas tiom kunligita kun la tero kaj ĝiaj kulturantoj, kiom neniu el niaj verkistoj. Facilstilaj tamen profunde pripensigaj estas liaj tri noveloj, kiujn entenas la 9-a libro de AELA 1934.

En formato de 20×13.5 cm. sur 128 paĝoj la novelaro kostas svfr. 2.50 broŝurita kaj 4.— bindita por ne-AELA-anoj.

## DEKDU POETOJ

estas la titolo de la poemaro de originalaj poetoj, prezentataj nun jam en la 10-a libro de AELA 1934. La poetoj estas tiuj, kiuj ankoraŭ ne debutis per propra memstara volumo, sed estas jam bone konataj plejparte al la legantoj de Literatura Mondo.

Hendrik Adamson (estono), Hilda Dresen (estonino), Brian Price Heywood (anglo), Nikolao Hovorka (aŭstro), N. Kurzens (latvo), Georgo E. Maura (franco), L. N. Newell (anglo), Amalia Nunez Dubus (hispanino), Alfred Schauhuber (aŭstro), E. Clark Stillman (usonano), Francisko Szilágyi (hungaro), Ludoviko Totsche (hungaro).

Jen la nomoj, kiuj montras la kalejdoskopan diversecon de la volumo, kiun kompilis Ludoviko Totsche kaj al kiu verkis antaŭparolon Kolomano Kalocsay.

La verko en formato de 20×13.5 cm. sur 128 paĝoj, bela kovrilo kaj fotoj de la poetoj kostas broŝurita svfr. 3.—, bindita svfr. 4.50, lukse bindita svfr. 6.— plus 10% por sendkostoj.

Post la dissendo de tiuj ĉi verkoj, okazanta en oktobro plej malfrue AELA donas al siaj membroj en tiu ĉi jaro ankoraŭ la gravan

## ĈEĤOSLOVAKAN ANTOLOGION

donante per tio 11 librojn, inter ili unu kun pli ol cent ilustraĵoj, kaj du grandformatajn ĉiujn 11 kun paĝonombro 2250—2300 por la kotizo de 17.— svfr. Por AELA-ano libro kun 240 paĝoj kostas do svfr. 1.80 plus la sendkostojn. Bindo por ĉiu libro al AELA-ano kostas nur 75 centimojn.

Aliĝojn al AELA por la jaro 1934. akceptas nur ĝis 1-a de decembro la eldonejo

**Literatura Mondo**
**Budapest, IX., Mester-utca 53, Hungarujo**

# LA LATVA LITERATURO*

**— Arturs Baumanis, literatur-recenzisto de l' revuo „Daugava" —**

La komencoj de la latva literaturo troveblas en tempo, pri kiu mankas historiaj informoj. Tiam kreiĝis la plej granda parto de la latvaj popoltradicioj — en formo de popolkantoj, fabeloj, mitoj, proverboj kaj enigmoj. La aŭtoro de l' verkaĵoj de tiu periodo ne estas individua persono, ĉar la nomitaj spiritproduktoj sian definitivan formon akiris en prilaboro de popola kolektivo. Ili disvastiĝis perbuŝe. Skribe fiksi la popolkantojn oni komencis en pli nova tempo. Pleje meritplenas tiurilate Kr. Barons, kiu en 8 grandaj volumoj kolektis 200.000 kantotekstojn, dediĉante al tiu laborego sian tutan vivon (1835—1923.). Nun estas skribitaj ankaŭ 10.000 popolfabeloj kaj mitoj, multe da enigmoj, anekdotoj, ludoj. Ĉi tiuj verkoj multe valoras poezie kaj etnografie. Ili donas la plej fidindan ateston pri la latva genio — ĝin ne povis sufoki eĉ la 700 jaroj, kiujn la nacio travivis sub jugo de konkerintoj — germanoj, poloj kaj rusoj.

Enkondukante la kristanismon, fremdnaciaj ekleziuloj verkis latvalingve kelkajn prikonfesiajn librojn, kiujn oni devas konsideri unuaj aperaĵoj de l' latva literaturo (katolika katekismo en 1585, kaj kelkaj prediklibroj kaj psalmaroj). En 1685., dum la humana epoko, kiam Latvujon kaj ĝian ĉefan urbon Riga regadis svedoj, E. Glück tradukis la Novan kaj iom poste ankaŭ la Malnovan Testamenton. En la lando venkis la luteranismo, kiu akcelis la disvastiĝon de libroj. Sed ĉiuj menciitaj agantoj estis fremdnacianoj, ĉar la potenculoj opiniis, ke latvoj rajtas nek pri sia vivo, nek pri posedaĵo, nek, kompreneble, pri klero.

La unuaj latvaj verkistoj aperis nur en la 19-a jarcento. Ĉirkaŭ ĝia mezo la latvoj sukcesis akiri certan ekonomian sendependon. Tiutempe komenciĝis ankaŭ la nacia konsciiĝo. Aperas la unuaj latvaj publicistoj (Kr. Valdemars, A. Kronvalds) kaj poetoj (Kr. Barons, J. Allunans). La plej notinda poeto de l' rekonsciiĝa epoko estas Auseklis (1850—1879.), li, kune kun J. Allunans, konatigas al la popolo ankaŭ la verkojn de Horaco, Schiller, Goethe. A. Pumpurs verkas eposon »Laĉplesis«, en kiu, samkiel en la »Kalevipoeg« de la nordaj najbaroj estonoj kaj en la finna »Kalevala«, estas uzitaj motivoj el la nacia mitaro. En prozo pleje elstaras la fratoj Kaudzite per la romano »Mernieku laiki« (Tempo de l' termezuristoj). En ĝi estas pentrita la periodo, kiam la latvoj elaĉetis de l' bienposedantoj sian hejmodomon; la termezurado, taksado kaj la ĉion enplektantaj intrigoj. En la verkoj de Apsišu Jekabs oni trovas la latvan pietismon. Patro de l' latva teatro kaj de la dramverkado estas Adolfs Allunans (1848—1912).

Ĉirkaŭ la jaro 1890., kiam ekestas la klaso de urbaj laboristoj, formiĝas la tiel nomata »Nova fluo«, kiun oni devas konsideri la plej radikala tendenco en la tiutempaj politiko kaj literaturo. Samtempe kreiĝas ankaŭ la latva burĝaro, kiel aparta socia tavolo. La rusa cara registaro speciale persekutas la unuajn, kiuj estas akre agorditaj kontraŭ la germana bienularo, la konsilantoj de l' caro. La ĉefaj reprezentantoj de l' »Nova fluo«: en la kritiko — T. Zeiferts, en sia tuto burĝvidpunkta aŭtoro de l' »Latva literaturhistorio«, en la poezio Ed. Veidenbaums, E. Treimanis, Aspazija kaj Rainis (1865—1929.). Ambaŭ lastnomitaj fariĝis tre rimarkindaj verkistoj, ili menciindas ankaŭ kiel aŭtoroj de multaj dramoj. Iliaj verkoj aperis angle, ruse, france, germane, finne, estone, litove kaj en aliaj lingvoj. En 1905. ili pro revoluciaj faroj estis devigitaj elmigri, kaj en la patrujon ili revenis nur, kiam estis plenumita la revo de l' nacio — elpelitaj la grandbienuloj kaj starigita la sendependa Latvujo. En la poezio de Rainis aŭdiĝas la jubilo de l' revolucio de 1905. kaj la teruroj de l' sekva reakcio; lia posta verkaro profetas, ke venkos la justeco, kaj liberiĝos la nacio subpremita. Ĉi tiuj motivoj troveblas ankaŭ en lia dramo »Fajro kaj nokto«, kiu dum kelkaj jaroj antaŭ la mondmilito atingis en Riga 200 prezentojn. Rainis tradukis la verkojn de Goethe (»Fausto«), Shakespeare kaj Schiller. En la prozo notindas kiel delikatsenta stilisto R. Blaumanis (1862—1908.), kiu estas ankaŭ la plej erudita dramisto kaj komedi-verkisto. En lia dramo »Indrani«, same kiel en »Reĝo Lear« de Shakespeare, estas majstre traktita la problemo de gepatroj kaj infanoj, de la malnova kaj la nova generacioj. Tute okcidenteŭropa verkisto estas Janis Poruks (1871—1911.), romantikulo, revanto, sed samtempe filozofo, aŭtoro multflanka, dotita per forta sentimento, verkinto de multaj poemoj kaj rakontoj. En lia verkaro rimarkeblas influo de Wagner kaj Nietsche. Lia plena verkaro, ampleksanta 20 volumojn, havis jam 4 eldonojn, kio atestas, ke liaj poezio kaj filozofio ŝatataś. La spiriton de l' popolo en siaj rakontoj, romanoj kaj teatraĵoj proksimas ankaŭ la patriota Anna Brigaders (1861—1933.). Ŝia porinfana scenaro »Spriditis« estas bonsukcese prezentita ankaŭ eksterlande. Patriotaj tonoj superregas ankaŭ en la verkoj de J. Akuraters. K. Skalbe povas esti rigardata kiel poeto kun aparte granda lirika talento. Ankaŭ li estas romantikulo. Dum la mondmilito li verkas kolekton »Daugavas vilni« (Ondoj de Daugava), en kiu li priploras la ruiniĝintan Latvujon, kie esprimiĝas la liberecsopiro de l' nacio. Skalbe estas ankaŭ majstro de fabeloj — liaj »Vintraj fabeloj« konatas ankaŭ en multaj landoj ekster Latvujo. J. Jaunsudrabinŝ estas realisto. Por infanoj li verkis la »Blankan libron«, duone aŭtobiografian, duone poeziitan memorkolekton. Bonan homkonon evidentigas lia trilogio »Aija«, »Atbalss« (Eho), »Ziema« (Vintro). Lian tonon karakterizas bonhumoro kaj skeptiko. Spirite li parencas al Hamsun. Poeto de naturo kaj amo estas Fr. Barda. La ĉefaj reprezentantoj de l' socialista direkto estas A. Upitis kaj L. Laicens. A. Upitis havas grandstilajn dramojn »Mirabo« kaj »Jeanne d' Arc«, ankaŭ plurajn romanojn. Li, kune kun R. Egle, estas aŭtoro de l' »Tutmonda literaturhistorio«, kiu tute aperis ĉijare kaj ampleksas 20 volumojn. A. Gulbis vekis en Eŭropo atenton per sia romano »Jauna Valsts« (La nova regno) — fantazio pri fondo de tutmonda pacoregno.

Ni menciu ankaŭ la rimarkindan ekonomiiston prof. Karlis Balodis (ĝis 1919. profesoro en la Berlina universitato, poste li laboris en la universitato de Riga; li mortis en 1931.) kaj la historiiston de agrardemandoj prof. A. Ŝvabe.

El la verkistoj de l' periodo plej nova menciindas la jenaj: novelisto J. Ezerins (1891—1924), la aŭtoro de l' romano »Dienas krusts« (Kruco de l' tago, 1931.) J. Veselis, poetoj J. Ziemelnieks, J. Sudrabkalns, Ed. Virza kaj A. Ĉaks, kritikistoj kaj literaturhistoriistoj fratoj Egle kaj P. Ermanis.

En sia tuto la latva literaturo atestas pri la pacama, laborema karaktero de l' nacio. Tamen unu el la ĉefaj markoj de l' latva spirito estas — la nesufokebla strebo al libereco. Kaj sian liberecon defendi ĉi tiu Baltlanda nacio pretas ĉiurimede.

*) Verkita speciale por tiu ĉi numero.

# *Frosto en la printempo*

**— Rudolfs Blaumanis —**

*1. La floroj.*

Supre — la blua ĉielo, belaj ŝafidsimilaj nuboj kaj senĉesaj triloj de l' alaŭdoj; malsupre — brilantaj verdaĵoj, blankaj floroj, plejdiversa bonodoro, diligentaj manoj kaj ĝojkrioj en la koroj.

Diligentaj manoj, ĝojkrioj en la koroj: mi ne scias, ĉu ĉe ĉiuj. Sed ĉe Andro el Vanagi tio, ŝajnas, estis certe. Kvankam la sunalteco atestis nur pri la tempo de l' matenmanĝo, tamen de la granda kampo, plataĵo en la mezo de la herbejo, estis plugita jam preskaŭ la duono, kaj la ruĝiĝinta vizaĝo de la junulo kaj la vaporanta ĉevalo atestis, ke ĉi tiu laboro ne okazis sen penoj. Trapluginte la sulkon ĝis la multbranĉa padusarbusto, kiu sur la kampa vojeto en floroj ŝanceliĝis, li haltigis la grizharan ĉevalon, levis la plugilon, forte puŝis ĝin en la teron kaj iris kaj kuŝiĝis en la ombron de l' arbusto. La dolĉamara odoro estis tiel forta, ke al Andro ĝi ŝajnis preskaŭ malagrabla. Li prenis trancilon, detranĉis malgrandan foliriĉan branĉeton kaj ruliĝis kun ĝi iom for de l' arbusto. Tiam li demetis sian ĉapon, gaje ekkantetis kaj plektis la florojn ĉirkaŭ la rando de l' ĉapo.

Raidaidaida! La ornamita ĉapo flugis supren, falis sur la brilantan verdaĵon de la herbejo, kaj la junulo ekridis. Malsaĝa ĉapo, vi kuŝas tie kaj ne scias, ĉu la alaŭdoj kantas aŭ la aŭtunaj ventegoj ĝemblovas! Tralà, lalà, lulì! Kiel belega vetero! Kiel belega vetero — la koro kvazaŭ tiklas pro ĝojo . . . Andro platkuŝiĝis, fermis la okulojn, ridetis kaj tiel kuŝis dum kelka tempo. La suneto ridetis al li kaj kisadis la florantajn vangojn de la junulo kaj sekigis lian malsekan, blankan frunton.

Fine li denove levis la kapon, apogis ĝin per la mano kaj rigardis al la monteto, post kiu vidiĝis la fino de la kamentubo de la kampodomo. Maldika fumstrio atestis, ke por la matenmanĝo oni havos ion varman. Kiu do ĝin alportos al li? Ĉu ŝi? Ho, ĉielo, faru, ke venu ŝi, sed ne Annule aŭ la maljuna Lize! Kaj la junulo atente rigardis al la monteto kaj tie post ses- aŭ sepminuta atendado li ekvidis helruĝan kaptukon, malhelruĝan jakon, blankan antaŭtukon kaj grizan jupon. Lia rideto fariĝis pli gaja kaj liaj okuloj akompanis la junulinon de l' monteto malsupren, tra la herbejo, kaj ne forlasis ŝin, kiam ŝi metis la blankan portaĵon en la ombron de l' paduso.

»Venu por manĝi«, ŝi invitis la junulon, staris kaj karesis la vizaĝon per la florumbeloj. »Ho, kiel forta ĝi estas, la odoro...do ĝi ne malvarmiĝu, Andro. Estas kaĉeto kun viando. Kaj la terpomoj«.

»Portu ĉi tien«, diris Andro per afabla petola voĉo.

»Kio do, maldiligentulo! Ĉu eĉ leviĝi vi ne deziros? Ĉu en la sunvarmo estas pli bone ol ĉi tie?«

»Tiel proksime la odoro estas tro forta por mi,« respondis la junulo, kaj la knabino prenis la matenmanĝon kaj metis ĝin apud Andro. Li volis kapti ŝian manon, sed ŝi lerte evitis, forsaltis de li.

»Fripono!«

La junulo gaje ekridis, malfermis la portaĵon kaj ekmanĝis.

»Ĉu vi mem ne manĝos?«

»Mi jam manĝis hejme«.

»Jen kio... Sed vi ja povus ankoraŭ peceton... kune kun mi. Vi estas ankaŭ iom promeninta«.

»Ne, ne«.

»Jen estas beleta malgrasaĵo. Ĝi rigardas tre afable al vi. Vi ja devas pro tio kompati ĝin«.

»Ĝi restu, Manĝu vi sola«.

»Nu, iru do kaj prenu mian ĉapon«.

»Kie ĝi estas?... Jen kie! Ĉu vi ĵetis ĝin al iu birdo? Kaj ornamita! Vi ja diras, ke la odoro estas tro forta«.

»De la tuta arbusto, sed ne de unu branĉo . . . Tro multe: tiam ĝi estas amara. De unu branĉeto: agrabla. Same kiel kun vi.«

»Kio? Kion — kiel kun mi?«

»Vidu, kiam vi tro... tro fieras al mi, vi estas amara por mi, sed kiam nur malmulte, tiam vi tre plaĉas al mi.«

»Hm, mi al li plaĉas... Jen via ĉapo.«

Ŝi ĵetis ĝin, kaj ĵetis tiel lerte, ke ĝi falis rekte sur la kapon.

»Nu, kiel tio estis?«

Andro turnis la ĉapon rekta kaj mansignis, ke la junulino eksidu.

»Venu do, estu tiel bona.«

La junulino eksidis sur la kampvojeto, sed ne tre proksime al Andro, kaj rigardis lin per petolemaj okuloj.

»Nun mi sidas. Nu, kio do estos? Kial vi tiel ornamis vian ĉapon?«

»Kial?... « La junulo por momento eksilentis kaj daŭrigis kuraĝvoĉe: »Tial, ke mi iros al Lenjo por ŝin svati.«

»Por svati? Al Lenjo? Al kiu Lenjo?«

»Al tiu sama, kiu sidas apud la vojeto.«

»Kio do, frateto! Ĉu vere!« ekkriis la junulino prononcante la vortojn malrapide, »Jen kia kuraĝo! Sed se vi malsukcesos, frateto, — kio tiam, frateto?«

»Pro kio do mi malsukcesu? Ĉu vi opinias, ke mi ne plaĉus al ŝi?«

»Kia neplaĉo, sed... sed... sed...«

»Nu, kio? Ĉu estas aliaj, pli bonaj svatantoj?« interrompis ŝin Andro per iom tremanta voĉo.

»Ho, kio do pri la aliaj. Vi ja scias, ke svatantoj estas. Sed ili. . . kio do! . . . Sed ŝi ankoraŭ ne volas. Ŝi estas ankoraŭ tro juna, ankaŭ la doto ankoraŭ ne estas kompleta, litkovrilo ne teksita . . .«

»Mi kontentiĝos eĉ kun malnova ĉevalkovrilo, nur ŝi venu.«

»Vi! Tion mi kredas! Vi ja pri ĉio estus kontenta. Sed la afero ne estas tiel simpla. Ĉion oni devas fari dece.«

»Ĉu dece? Per viaj decpretekstoj vi, Lenjo, min frenezigos! Nu diru, kial vi ne povas fariĝi mia edzino?

»Ne ĝemadu denove. Alie mi tuj forkuros. Rigardu, kia beleco estas ĉirkaŭe, kaj en tia vetero vi povas pensi pri edziĝo?«

»Sed ĝuste en tia vetero . . . kien ajn vi, homo, rigardas, ĉie... ho, dum tiaj tagoj mi pensas nur pri vi. Kara, Lenjo, diru do »jes«. Diru do »jes«.«

»Ĉu vi jam satmanĝis?«

»Mi petas, diru »jes«.«

»Kaj mi demandas, ĉu vi jam estas sata? Mi foriros.«

»Atendu iom, mi ja ankoraŭ manĝas,« ekkriis Andro kaj denove komencis manĝi, por ke Lenjo ankoraŭ restu ĉe li iom. »Verŝajne la mastro edziĝpetis vin?« li aldonis per iom obtuza voĉo.

»Li jam edziĝpetis,« respondis Liene. »Sed je tiu variolvizaĝa monstro . . . hm . . . . tion ne, tion nur ne.«

»Sed li estas brava kaj riĉeta homo!« daŭrigis la junulo por ekscii, kion ŝi ankoraŭ diros pri lia rivalo.

»Brava kaj riĉeta? Brava kaj riĉeta! Se mi estus promesinta edziniĝon al ĉiu brava kaj riĉeta homo, mi jam povus forĝi ĉenon el la ringoj. Brava kaj riĉeta — bagatelaĵoj!«

»Tial vi finfine devos iri kun mi al la pastro,« diris Andro, faldis la poŝtranĉilon, viŝis siajn belajn lipharojn kaj saltleviĝis.

En la sama momento ankaŭ Liene saltleviĝis de la vojeto.

Kuraĝe ridetante Andro proksimiĝis al ŝi.

Lenjo direktis sin al la arbusto.

»Kial vi venas!« ŝi ekkriis. »Ne venu! Tio ja ne okazos. Mi volvos la kapon per la antaŭtuko.« Kaj ŝi forrapidis malantaŭ la arbuston, kie Andro ŝin atingis kaj ĉirkaŭbrakis.

»Andro!« Lenjo ekkriis malafable. »La kison ja vi ne ricevos!« Ŝi envolvis la kapon en la antaŭtukon, sed li forŝiris ĝin kaj plurfoje kisis la knabinon. Nun ŝi ne plu rezistis kaj kiam Andro denove ŝin afable demandis, ĉu ŝi estos lia, Lenjo mallaŭte respondis: »Ho, kial vi tiom multe demandas, vi ja scias, ke neniun alian mi elektos.« Sed denove liberigita, ŝi tamen ekkriis: »Ho, vi hundbuŝulo!« kaptis la malplenan pladeton kaj tukon kaj forrapidis tra la herbejo hejmen.

Donante la restintan panopecon al la ĉevalo, Andro denove akompanis Lenjon per okuloj, ĝis kiam la griza jupo, malhelruĝa jako kaj fine la helruĝa kaptuko malaperis post la monteto.

Post tio li, kvazaŭ rektigante siajn membrojn, etendis la manojn ... Ho! ... Tia vivo! Tia feliĉo . . . Tia bela vetero ... Tia feliĉo! Tia feliĉo! . . .

»Mia feliĉo!«

Kaj fajfante li denove ekplugis.

### 2. *La frosto.*

Samtempe kun Lenjo — nur de la alia flanko — en la korton de kampodomo Vanagi venis la mastro de la najbara kampodomo Malnieki, altkreska, sekiĝinta maljunulo, kies kampodomo, rigardante de Vanagi orienten, estis videbla malsupre apud betularbareto inter kverkoj kaj pomarboj.

Li estis zorge vestita kaj salutis la junulinon per iom stranga voĉo, strange rigardis ŝin kaj eniris la domon.

Lenjo formetis la pladon kaj tukon kaj eklaboris en la kuirejo, samtempe pensante, ke la maljuna Malnieks lastatempe, malgraŭ sia aĝo, tro ofte suriras la monteton de Vanagi.

En la kuirejon venis la mastro.

Li estis ruĝiĝinta kaj kvazaŭ iom timigita.

»Kion vi opinias, Lenjo,« li rapide ekparolis, »tiu maljuna bestaĉo — Malnieks venis pro vi.«

»Kio? Kio?« malatente demandis la knabino.

»Malnieks deziras paroli kun vi.«

»Vi ja vidas, ke mi ne havas tempon. Li venu en la kuirejon.«

»Komprenu, li venis . . . li volas edziĝi.«

»Edziĝi?«

Lenjo apogis sin al la kuireja muro. Ŝiaj ruĝaj vangoj paliĝis kaj nur post momento ŝi aldonis: »Tio ne estas ebla.«

»Venu por interparoli,« diris Vanags kun maldolĉa mieno, vidante la aliiĝon de Lenjo.

»Ho, Dio!« ekkriis Lenjo. »Kion mi kun li parolu! Ĉu li freneziĝis! Ho, Dio! Ho, Dio! «Kaj ŝi ekridis pro honto.

»Venu, venu,« insistadis la mastro per iom severa voĉo. En la rido de Lenjo estis io, kio lin vundis.

»Vere, mi ne scias, kion diri! Mi hontas! Tia maljunulaĉo! Kion li pensas! Freneza, vere freneza! Ho Dio, ho Dio, ho Dio, ho Dio!« Kaj denove ŝi ridis kaj la penso en ŝia kapo senorde kuris ... Sepdekdu jaroj... Vidvo . . . Propra kampodomo . . . sen ŝuldoj ... sen infanoj ... kvar ĉambroj kaj vitra balkono . . . Post tri, kvar jaroj la maljunulo mortos ... eble post unu jaro... Kaj grandan monsumon li ankaŭ havas ... Kaj la pomĝardeno ... kaj prunarboj kaj ĉerizarboj kaj vinberujo ĉe la sunflanko de la domo, kaj la maljunulo eble jam post duonjaro mortos ... Ho Dio, ho Dio. Kaj Andro...

»Mi diros, ke vi venos,« malvarme diris Vanags kaj forlasis la kuirejon.

Kun forte batanta koro Lenjo rapide lavis la manojn, malsekigis la vizaĝon, kvankam jam matene ŝi sin lavis, kaj zorge viŝis sin. Tiam ŝi iris en la servistan ĉambron kaj sidiĝis sur sian liton. Ŝi estis tute konfuzita. Kun tia maljunulaĉo ŝi ja ne devas edziĝi. Ne, ne, kion tiuokaze diros Andro, kion diros la tuta mondo ... Sed rifuzi, rifuzi tian riĉulon, kiu junulino tion farus?

Se estus iu, kiu donus bonan konsilon, ŝi pensis, se iu povus diri, kiel longe tiu pagano ankoraŭ vivos? Du jarojn, tri jarojn? Pli ol kvar jarojn certe ne. Sepdek ses ... Tio estas granda aĝo. Ĉu Andro tiel longe atendos? Ne, ne, Malnieks ne vivos tiom longe. Malofte iu tiom longe vivas ... Sed kiu povas scii? Li estas homo de la malnova generacio ... de forta gento. Se li vivos ĝis okdek? Tiam oni povus ... fi, kiaj pensoj . . .



J. Rozentals *Por Akvo*

li, iru, de kie li venis, se oni ne povas scii, kiam li mortos.

Lenjo deziris leviĝi kaj forkuri el la ĉambro, sed la piedoj ne obeis ŝin kaj ŝi restis sidanta. Ŝi sidis kaj sidis kaj ruĝiĝis kaj konfuziĝis, ĝis malfermiĝis la pordo de la mastra ĉambro kaj aperis Vanags kaj diris: »Eniru do.«

»Vere mi ne scias, ĉu iri aŭ ne iri?«

»Kion do vi timas? Li ja ne kunprenos vin tuj.«

La junulino leviĝis kaj malrapide iris tra la ĉambro kaj malaperis post la pordo de la mastra ĉambro.

Kun profunda sulko inter la okuloj Vanags rigardis post ŝi. La malbenita havaĵo! Kaj li eliris ekstere n kaj senpacience marŝadis en la korto. Ĉu ŝi vere estos tiel malsaĝa?

En la ĉambro Lenjo haltis ĉe la pordo, ne povante levi la okulojn. Ŝi bedaŭris, ke ŝi entute venis. Pro la honto ŝi volonte falus en la terprofundon.

La konduto de Malnieks estis tute mala. Kun trankvila plezuro li rigardis la ruĝiĝintajn vangojn de Lenjo, kapjesis, kvazaŭ konfirmante sian antaŭan penson kaj per la seka, ostosimila mano karesis sian genuon.

»Venu do pli proksimen,« li ekparolis kaj montris al la seĝo. »La mastro ja diris al vi, kial mi alvenis?«

Li atendis la respondon, sed Lenjo nek moviĝis, nek diris eĉ unu vorton.

»Tuj post la morto de mia dua edzino mi intencis denove edziĝi,« daŭrigis Malnieks. »Mi estas alkutimiĝinta, ke virinaj manoj min flegas, kaj estas malfacile resti sen ili. Sed ĝis nun mi ne trovis tian, kiu plaĉus al mi. Kiu estas juna, tiu estas tro ventanima, kiu estas pli aĝa, tiu estas tro maldiligenta. Kaj ili ĉiuj egale ne havas sufiĉe da saĝo por granda mastrumo. Ambaŭ miaj mortintaj edzinoj estis saĝaj kaj lertaj mastrinoj, tian ankaŭ nun mi serĉas. Jam la duan jaron mi kaŝrigardas vin kaj mi vidas, ke vi ne estas tia, kiaj estas aliaj servistinoj. Vi havas mastrinan spiriton. Kiam vi tute ne rimarkis, mi rigardis vin, kaj prijuĝis vian virton. Dum la paŝtado vi ne kriaĉas vane al la brutaro, kiel tion faras miaj servistinoj kaj ankaŭ viaj junaj kaj maljunaj gepaŝtistoj. La besto ja ne komprenas, se oni nomas ĝin satano kaj inferhoko aŭ . . . aŭ . . . . aŭ oni donas al ĝi karesvortojn. Tio por ĝi estas tute egala. Sed laŭ tiaj vortoj oni rekonas la homan koron . . . Kaj kiel vi estas gardema pri viaj vortoj, tiel ankaŭ vi gardas vian manon. Mi ne parolas sole pri la batado. Vi gardas viajn fingrojn ankaŭ en aliaj aferoj. La salo estas malkara produkto. Sed ĉu vi tial iam trosalis la supon? La akvo nenion kostas. Sed ĉu vi tial iam fermentigis la panpaston tro fluida? Aliaj servistinoj opinias tion negrava. Kiel oni sukcesas, tiel estas bone. Vi nenion faras hazarde, vi faras ĉion pripensite. Tio pruvas mastrinan spiriton. Kion do vi pensas pri Malnieki? Ĉu vi venos al ili por esti mastrino?«

Pli bone ol per ĉi tiuj vortoj la maljunulo ne povus glatigi por Lenjo la vojon al Malnieki. Ŝi estis tre honorata pro la neatendita laŭdo kaj ŝia honto komencis malaperi. Ok jarojn li estis vidvo, ok jarojn li vane serĉis, ĝis li ŝin trovis. Tio estis honoro.

»Nu, kion vi diros?«

»Mi ne scias. Mi tion ankoraŭ ne pripensis,« respondis Lenjo malkuraĝe.

»Kion do pripensi. La afero estas klara. Mi estas maljunulo, kiu bezonas flegistinon. Tio estas unue. Malnieki bezonas lertan mastrinon. Tio estas due. Pro ĉi tiuj du... du . . . kiel diri?. . . servoj post tri, kvar jaroj Malnieki estos via posedaĵo. Pli longe ja mi ne vivos. Mia patro mortis sesdeknaŭjara, la avo sepdektrijara. Ankaŭ mia tempo jam alvenis kaj pli saĝe estus pensi pri la ĉerko ol pri . . . pri . . . sed kion do fari! Mi, jen, havas tian kapricon: mi ne povas toleri, ke en Malnieki, dum miaj okuloj vidas, ne regas bonordo. Mi provis diverse. Sed fremdaj manoj restas fremdaj, kiel ajn altan salajron oni pagu. Komprenu do, kial mi volas denove edziĝi. Tute senkaŝe mi faras al vi la proponon. Ni vivos kiel patro kun filino, kiel infano kun patro. Kian daŭran pripensadon vi ĉi tie bezonas? Venu, donu la manon kaj diru »jes«!«

Malnieks parolis tiel prudente, lia voĉo sonis tiel

## Aŭtuna melodio

— ED. VIRZA —

*Mi iris tra l' ĝarden'. En haroj palis*
*el rozoj kron', mordita de l' aŭtun',*
*kaj kun folioj velkaj brile falis*
*sur min la oro de l' aŭtuna sun'.*

*Pri vi kaj pri laa morto mi meditis,*
*pri la pasint', kiu por ĉiam for;*
*kaj penso pri l' sopir' pasinta glitis*
*kiel dolor' facila al la kor'.*

*Trankvilo estis, somerfino ĉarma,*
*trembrile ŝvebis teren or' de l' sun'.*
*Silentis kor', nur flugis velke larma*
*sur min la morta oro de l' aŭtun'.*

Trad. *N. Kurzens.*

## Batalo

— ED. VIRZA —

*Fuĝas la nuboj — blankaj Fabelo-rajdistoj,*
*Lun' time pala eklumas, sin kaŝas sen fort';*
*Estis ĉi-nokte sur kampoj de l' fora ĉielo*
*Akra, terura batalo — por vivo kaj mort'.*

*Tremis ĉiel', konvulsiis en plor' subpremata,*
*Steloj veante fuĝis de l' sanga Batal';*
*Tero ĝemspiris, ŝiris la nigran hararon,*
*Time, rifuĝe sin volvis en nokta vual'.*

*Ĉio kvazaŭ ekmutis... sango gutadis...*
*Peze levante flugilojn aperis Mort'.*
*Tutan nokton senspire, senvorte, senhalte*
*Fuĝis teruropelata la blanka Eskort'.*

Trad. *N. Kurzens*

## Virino

— ED. VIRZA —

*Mi kiel ruĝa flor' malfermas min*
*En hor' malfrua, en noktmeza lumo,*
*Ardruĝaj en profundoj de la sin'*
*Pasioj flamas kun obtuza zumo.*

*La korpon nudan mi al luma trem'*
*De l' luno kiel lotus-floron metas,*
*Etendas brakojn por pasia prem',*
*Sufoke, svene ĉirkaŭpreni pretas.*

*En min verŝiĝas via sangoflu',*
*Vi mem — en rubojn falas pal-maŝane.*
*Mi — kiel nigra flam' rapidas plu,*
*Al novaj venkoj flugas mok-rikane.*

Trad. *N. Kurzens*

konvinke, ke al Lenjo ŝajnis — iri kaj doni la manon. Andro ja povas atendi. Pro tia kampodomo oni povas atendi jarojn tri, kvar. Kaj pli longe Malnieks ne vivos; li mem tion diris kaj li diris tion, kion li sentis. Hipokritulo Malnieks ne estis. Lenjo levis la kapon kaj — ektremis. Tie ĉe la tablo sidis maljunulo kun senhara kapmezo kaj maldensaj, blankaj haroj, maldensa, longa, griza barbo, sulkiĝinta vizaĝo kaj kun okuloj kvazaŭ naĝantaj en graso. Liaj lipoj estis paletaj, la longaj dentoj nigriĝintaj kaj malpuraj. Abomeno kaptis la animon de Liene. Edzino de ĉi tiu maljunulo! Neniam!.. Sed la domo! Sed la domo kaj havaĵo kaj libera facila vivo!. . . Ho, ho, ho, ho!

»Venu, venu, donu la manon kaj diru »jes«.«

»Mi ne scias... mi ne scias... Ni certe ne taŭgos por kunvivado.«

»Pro kio ne taŭgos, ne parolu tiel. Mi estas homo trankvila kaj ankaŭ vi ne estas senprudenta. Vi ja ne rifuzos min. Se mi estus tion sciinta, tiam... tiam... verdire, mi jam pensis ankoraŭ pri iu alia. Ŝi estas eĉ pli juna ol vi, ŝi ne taŭgas por mi kaj entute ŝi ankaŭ ne plaĉas al mi tiel, kiel vi. Sed ŝi konsentos, tion mi certe scias. Mi povas diri al vi ankaŭ ŝian nomon. Ŝi estas la pli juna filino de Stakle. Ĉu de vi mi turnu min al ŝi? Vi ja ne kaŭzos al mi tian honton?«

»Iru do,« Lenjo deziris diri, sed ŝia lango ne moviĝis. La buŝo estis tute seka. La pli juna de Stakle! Ŝi estis du jarojn pli juna ol Lenjo, beleta junulino de riĉa terposedanto. Kaj ŝi konsentis fariĝi edzino de Malnieks! Kial do cedi la bonŝancon al la filino de Stakle, se ĝi estas proponata al ŝi mem? Kion diros la homoj, eksciinte, ke ŝi preterlasis tian feliĉon? Ĉu ili entute kredos, ke Malnieks edziĝpetis ŝin? . . . Kaj Lenjo denove mallevis la kapon, mordis la suban lipon inter la dentoj kaj penis trovi la ĝustan respondon.

Momenton silentinte, Malnieks denove daŭrigis:

»Vian hontemon mi tre bone komprenas, kiam vi ĝis nun pensis pri edziniĝo, vi imagis nur junulojn. Kaj nun anstataŭ ili venas tia maljunulaĉo, kia estas mi. Tio kvazaŭ timigis vin, vi estas kvazaŭ . . . kvazaŭ . . . trompita kaj via koro krias: ne kaj ne! Sed la voĉon de l' koro oni ne ĉiam rajtas aŭskulti. Pripensu bone, kion vi rifuzas. Mi havas domon, por kiu oni libervole proponas al mi dekdu milojn. En kontanta mono je procentoj mi havas dekmil. Tion mi ŝparis ankoraŭ tiam, kiam mi komercis per ligno. Ĉiujare mia havaĵo kreskkas je kvincent rubloj. Krom unu milo, kiun mi testamentis al mia sola baptofilo, tutan mian havaĵon mi testamentos al vi jam antaŭ la edziĝo. Tio por ni, kamparanoj, estas granda riĉaĵo. Mi ne fanfaronas pri tio, sed kio estas, tio restas. La amo, komprenebla, eĉ per duobla sumo ne estas aĉetebla. Sed la afabla vizaĝo kaj la molaj manoj por maljunaj ostoj... mi opinias, ke kvar, kvin miloj jare por la afabla vizaĝo kaj molaj manoj ne estas mallaŭdinda rekompenco. La mastrumado en Malnieki repagiĝos aparte.«

Parolante tion, Malnieks estis leviĝinta kaj alproksimiĝis al Lenjo, kiu senforte apogis sin ĉe la muro. Dek kaj dudek miloj! Kiel granda monsumo! Neniu pensis ke Malnieks estas tiel riĉa. Kaj post du jaroj ŝi povos fari, kion ŝi bondeziros, pri ĉi tiu tuta havaĵo. La sango bolante fluis en la kapon kaj ŝi subite sentis, ke Malnieks tenas ŝian manon en la sia. Ĉu ŝi ĝin etendis al li, aŭ li mem ĝin kaptis — tion ŝi ne sciis, ŝi nur ankoraŭ aŭdis, ke li diris: »Vi estas prudenta junulino, Lenjo, vi tion ne bedaŭros,« kaj post tio ŝi troviĝis sola en la ĉambro.

Kvazaŭ konsterniĝinta ŝi iris al la tablo kaj falis sur la seĝon, sur kiu ĵus estis sidanta la edziĝpetanto, kaj apogis la kapon per ambaŭ manoj. Ĉu efektive tio estis vero? Ĉu ŝi konsentis edziĝi kun tiel maljuna viro? Ne, ne, ne, tio ne estas ebla, ŝi estas erarinta, la granda mono ŝin trompis... Do ŝi devas rifuzi tiel grandan bonŝancon? Ho ne, ho ne, ankaŭ tio ne estas ebla... kaj tamen, tamen, ŝi devas rifuzi, jes — devas rifuzi...

Subite ekkrakis la porda klinko kaj Lenjo saltleviĝis kaj turnis sin. La eniranto estis Vanags. Kun malvarma, duonmokema, duonmalestima rideto li rigardis la junulinon, proksimiĝis al ŝi kaj donis al ŝi la manon.

»Mi aŭdis... mi ĵus aŭdis tiun . . . tre ĝojigan novaĵon. Jes, jes, Lenjo, kiu estus tion pensinta . . . Tian feliĉon . . . tiel grandan, ke por la bondeziro tute ne estas loko.«

En liaj vortoj sonis la sama mokemo kaj malestimo, kiu respegulis en liaj okuloj, kaj tuŝis la ekscititajn sentojn de Lenjo. Kial li kuraĝis tiel paroli kun ŝi? Ŝi ja ne estas kulpa, ke Malnieks edziĝpetis ŝin. Ĉu estis malhonesto edziĝi je ŝi? Kial li mokas ŝin? Ĉu ne tial, ke ŝi estas simpla, malriĉa servistino?... Kaj kun nevenkebla forto ŝin kaptis la deziro liberiĝi de ĉi tiu stato, leviĝi super aliajn, leviĝi super la tutan komunumon, super la tutan distrikton kaj vidi Vanagon profunde sub siaj piedoj. Kaj kun la sama rideto kaj la sama malvarmo en la voĉo, per kiu ĵus parolis Vanags, ŝi respondis:

»Jes, nun mi jam sidas en la sino de la feliĉo. Nun mi estos dek kaj dekkvinoble pli riĉa ol via estonta edzino.«

»Jes, jes, — apud dek kaj dekkvinoble pli maljuna edzo,« aldonis Vanags.

»Hm! Ĉu vi ne scias: pli bone estas sub la barbo de maljunulo ol sub la panvipo de junulo!« rediris Li-



R. Zarriņš *Studo*

ene kaj turnis sin al la pordo. Ĝi malfermiĝis kaj eniris Malnieks.

»La knabo kun la korbo jam venas,« li gaje diris kaj klarigis, ke antaŭvidante bonan rezulton, li jam hejme metis du botelojn da vino en korbon kaj ordonis al la knabo gardi ilin, ĝis kiam li svingos per la poŝtuko. Tiam li portu la korbon supren al Vanagi.

»Ni trinku po glaso je la sano de la estonta mastrino.«

»Mi ne scias, ĉu tio entute estas necesa,« diris Lenjo mallaŭte.

»Necesa, necesa,« respondis la maljunulo kaj petis al Vanags prizorgi la glasojn.

Vanags ne havis vinglasojn kaj metis sur la tablon malgrandan kaj tre dikan brandglason.

»Kion ni faru kun tia fingringo,« ekkriis Malnieks ridante. »For, for, — donu, najbaro, teglasojn.«

Vanags prenis la glasojn el la ŝranko kaj baldaŭ aperis la korbo kun la vino.

Lenjo la unuan fojon trinkis vinon en sia vivo. Singarde ŝi gustumis ĝin kaj, trovinte ĝin bona, trinkis bonan plenbuŝon. Instigita de Malnieks, ŝi trinkis ankoraŭ po unu plenbuŝo kaj sentis, ke stranga, agrabla varmo ĉirkaŭprenas la tutan korpon. Ŝia kolero kontraŭ Vanags malaperis kaj la kormaltrankvilo pasis — al ŝi ŝajnis, ke ŝia konsento ne estis erara. Alirinte al la fenestro, el kiu oni povis rigardi la kampodomon Malnieki, ŝi ĝuis la belan vidaĵon, kiu tie malsupre estis videbla. Kiel tie la ruĝaj tegolaj tegmentoj de la loĝdomo kaj provizejo kontrastis inter la verdaĵo de la foliriĉaj arboj, kiel en la arbareto brilis la blanka betulŝelo kaj fajreris la serpentumanta mallarĝa rivereto! La koro de Liena pleniĝis de fiera ĝojo. De nun ŝi povos tie mastrumi laŭ sia plaĉo, tute laŭ sia plaĉo, ĉar ĉi tio apartenos al ŝi. Ho, Dio, kiu estus tion imaĝinta!

»Ĉu vi ne regalos ankaŭ la aliajn hejmanojn?« demandis Malnieks, proksimiĝante al Lenjo. »Da vino ankoraŭ estas sufiĉe.«

»Jes,« respondis la junulino »sed antaŭ via alveno neniu estis en la ĉambro.«

»Mi iros kaj kunvokos ĉiujn,« rapide proponis Vanags kaj eliris. Tie li ordonis al la knabo de Malnieki kuri al la deklivo kaj fajfvoki Andron, kaj mem invitis la ceteran servistaron.

Dume Lenjo ankoraŭ staris ĉe la fenestro kaj rigardis malsupren, sed Malnieks sidiĝis apud la tablo. Ĉu tion kaŭzis la vino, aŭ la fianĉa ĝojo, sed la maljunulo nun aspektis pli juna ol antaŭe. Liaj vangoj estis iom ruĝiĝintaj kaj en liaj okuloj, kiujn li ne deturnis de la bela vizaĝo de Lenjo, trembrilis ia stranga fajro. Tiel li sidis momenton, ne dirante eĉ unu vorton, kun feliĉa rideto sur la lipoj kaj aŭskultis, kiel ekstere kantis alaŭdetoj. Aŭ ĉu li tion ne aŭdis?... Post tio li leviĝis kaj faris kelkajn paŝojn, dezirante denove proksimiĝi al Lenjo. Io lin pelis al ŝi por almenaŭ meti sian manon sur ŝian kapon kaj karesi ŝiajn densajn harojn. Sed li haltis, hezitis kaj denove eksidis ĉe la tablo. Ĉi tie ne taŭgis la varmego de la juneco, ĉi tie li ne devas trorapidi. Kaj li sidis kaj rigardis sian fianĉinon kaj feliĉe ridetis.

En la sama momento eniris Vanags kaj sciigis, ke la servistaro kunvenis en la granda ĉambro.

»Ni iru do,« diris Malnieks kaj leviĝis. »Vi, Lenjo, prenu la glason kaj regalu.«

Lenjo prenis la glason kaj botelon. Malnieks mem prenis ankoraŭ unu botelon kaj ili ĉiuj tri iris en la servistaran ĉambron. Kvankam la kapo de Lenjo leviĝis fiere, sed en ŝia koro tamen ektremis la demando: kion nun ili ĉiuj diros?

»Nun mi sciigas vin, ke mi forprenos Lenjon de vi,« gaje ekparolis Malnieks. »Ŝi fariĝos mia mastrino. Ni trinku je ŝia sano.«

La servistaro, kiu la novaĵon jam aŭdis de sia mastro, faris laŭtan bruon kaj ŝajnis surprizita. Kiu estus tion pensinta! Jen, jen kia afero! Jes, jes, Malnieks scipovis serĉi! Pli bonan li en tuta Vidzeme ne estus trovinta!... Kaj iu flatema patrino, imaginte, ke venontjare ŝi povos doni sian bubeton al Lenjo kiel paŝtiston, apenaŭ ne kisis ŝian manon.

La bruo plikuraĝigis Lenjon kaj disdonante la vinon ŝi ne mallevis siajn okulojn, sed rigardis en ĉies vi-

## Nub' cigne blanka...

— ED. VEIDENBAUMS —

Nub' cigne blanka glitas tra la blu',
kun ĝi mi volus flugi plu kaj plu —
al foroj, kie fremdas vintra proz',
kie nur floras kaj ne velkas roz' — — —

Por kio, ho, koro, la vana sopir'?
Jam kuŝu l' esperoj en tomba mallumo:
ne gvidas tra valoj sunplenaj la ir',
vagadas la homo sur larma marĉhumo;

martelas senĉese la fero kaj ŝtal',
por pan', por nutraĵo ne ĉesas batal',
malforton kruele muelas la fort',
ŝvit' fluas kaj sango, ĝis venas mort'.

Trad. *N. Kurzens.*

## Dek, dudek jaroj ankoraŭ

— ED. VEIDENBAUMS —

Dek, dudek jaroj ankoraŭ,
kaj estos la dramo ĉe l' fin';
agplena la viv' aŭ malplena —
min putri forvokos destin'.

Kaj tamen pri aĵoj eternaj
ni ŝatas revadi dum viv':
pri gloro, honoro, feliĉo,
pri laŭroj ĉe tomba dekliv'.

Sed kune kun ni ja forvelkos
la laŭroj, la glor', la honor';
antaŭen nur iros, antaŭen
la Rado Eterna sen kor'.

Trad. *N. Kurzens.*

## Doloras la feliĉ'!

— ANNA BRIGADERS —

Se vin subite levas sorta ben',
trans randojn fluas kora superplen'
kaj en l' okuloj pezas larma riĉ' —
doloras, ho, doloras la feliĉ'.

Ĉar kiun benas la feliĉpokal',
similas floron sub minaca ŝtal',
kaj dum ravita staras vi sen vorto,
vi scias: la maturan prenas morto.

Trad. *N. Kurzens.*

# Akvo-patrino

— K. Skalbe —

Kiaj strangaj tagoj! Jam de frumateno ili vadas en krepusko, kiu kuŝas super mi kvazaŭ malrapide fluanta akvo. Ĝi volvekovras min kvazaŭ dormo. Kelkfoje mi sentas, ke iu metas manon sur mian ŝultron, mi aŭdas, ke iu vokas mian nomon. Kaj ree tiu ĉi fluanta krepusko. Ŝajnas al mi, ke ĝi balanciĝas tien kaj reen simile al granda akvo. Mi moviĝas en ĝi kvazaŭ en dormo. Kelkfoje ŝajnas al mi, ke ĉirkaŭ miaj piedoj volviĝas elastaj algoj kaj tiras min ien en profundon, kie kvazaŭ nigraj fantomoj ombras malnovajn arbrompitaĵojn, kaj poste — ĉion englutas mallumo. En tiaj momentoj mi ekmemoras la fabelon pri knabo en la rivera profundo.

— — — — — — — — — —

Profunda, larĝa rivero fluis senĉese kiel tempo, kiu forportas minutojn, horojn, tagojn kaj jarojn, sternante malproksimen siajn trembrilajn akvojn. Supre, sur la bordo, staris reĝa urbo, malsupre, en la akvoprofundo, kuŝis ĝia rebrilo.

Ĉiumatene, kiam ekbrulis tago, ĉi tien venis malgranda knabo kun blondaj haroj, bluaj okuloj, por manĝi sian panpecon. Li sidiĝis sur la bordo kaj metis la panon sur ŝtonon apud si.

Li kliniĝis kaj rigardis, kiel falegas la turoj kaj domoj en la akvon kaj kuŝas tie, kvazaŭ en alia mondo. Renversita urbo en renversita firmamento. Ŝajnis, ke la pintoj de la oraj krucoj serĉadas la fundon de la akvoprofundego. »Neniu scias, ĉu ankaŭ la fiŝetoj estas baptitaj?« pensis la knabo.

Kaj kiam ajn li venis ĉi tien kaj sidis, li ĉiam perdis sian panpecon.

Iu viandista servisto preteris manĝante kolbason. Por la lasta plenbuŝo ekmankis al li pano. Li prenis la panpecon de sur la ŝtono kaj foriris, plenŝtopinte la buŝon.

Alian fojon preteriris sinjoro kun hundo. Li mem ne manĝis nigran panon, sed ekvidinte sur la ŝtono la panpecon, kiun gardis nenies okuloj, li prenis ĝin kaj donis al sia hundo.

Alian fojon, ĝuste kiam la knabo per siaj blankaj, sanaj dentoj dispecigadis la panpecon, preterveturis la reĝa kaleŝo. Eta pala princino kuŝis tie sur silkaj kusenoj. Ŝi estis dorlotita kaj malsana. Nenio plaĉis al ŝi kaj nenion ŝi emis manĝi. Ekvidinte la knabon kun la panpeco, ŝi etendis la manon:

»Kion vi havas tiel bongustan?«

»Panon.«

»Donu al mi! Donu al mi!«

La knabo aliris kaj donis al ŝi sian panon. La princino donis al li orpecon. Sed la knabo kunmetis la manojn sur la dorson.

»Mi ne akceptas monon!«

»Ve, kia fierulo!« la princino malfermegis la okulojn.

»Mi tute ne estas fiera. Mi donas al vi. Mi ricevis ĝin de la patrino.«

»Nu, bone, bone. Vi plaĉas al mi. Venu al mi, kiam vi deziras. Jen mia ringo, la gardistoj enlasos vin.«

La princino deprenis de sia eta mano oran ringon kaj donis al li. La kaleŝo forveturis.

La knabo turnadis la ringon en la mano kaj ploris. Kiel bela estis la eta princino kaj kiel pala kaj malsana ŝi aspektis!

Iun tagon li ree venis, sidis kaj rigardis en la akvon. Jen preteriris viro kun malhela vizaĝo. Li vidis,

---

zaĝon. Kaj kiam ĉiuj estis trinkintaj, ŝi jam sciis, ke ŝi faris tute ĝuste, akceptinte la proponon de Malnieks. Ĉar en ĉiuj vizaĝoj tra ŝajnigita feliĉo kaj surprizo, estis videbla pli aŭ malpli kaŝata envio. Per dignoplenaj paŝoj ŝi ankoraŭ unu fojon ĉirkaŭiris la ĉambron, kiel Malnieks ŝercis, verŝante »por la dua piedo«, kiam eniris Andro. Ekvidinte ĉiujn hejmanojn kunvenintaj kaj Malnieks'on kaj Lenjon kun boteloj en la manoj, li haltis surprizita.

»Kio ĉi tie okazas?« li ekkriis kaj ŝovis la ankoraŭ ornamitan ĉapon al la nuko.

»Gefianĉiĝo, amiko, — gefianĉiĝo,« respondis Vanags kaj kun stranga rideto montris al la gefianĉoj. »Jen la fianĉo — tie la fianĉino... Lenjo, estu tiel bona, enverŝu ankaŭ por li glason.«

Lenjo preskaŭ ne rimarkite ektremis, sed tuj turnis sin al Andro kaj verŝis vinon en la glason, ĉe kio la botelkolo kelkfoje kunfrapiĝis kun la rando de la glaso.

»Prenu,« ŝi diris mallaŭte kaj proksimiĝis al Andro je unu paŝo.

Kvazaŭ frostiĝinta, la junulo staris antaŭ ŝi. Kio okazas ĉi tie? Ĉu la homoj petolaĉas ĉi tie? Ĉu li mem deliras?... Li rigardis ĉirkaŭen kaj vidis ĉiujn okulojn turnitaj al li kaj ĉiuj vizaĝoj montriĝis al li en tute nenatura klareco. Jen — la patrino de Janĉjo havas sur la frunto kvar sulkojn, antaŭe li tion ne rimarkis . . . Ĉu li kriu? Kaj kion li faru kun tiu mano en la helruĝa maniko, kiun li vidas antaŭ si? Kaj kun tiu sangruĝa vino? Ĉu trinki? Aŭ verŝi en la okulojn de la regalantino?

»Nu trinku, trinku — trinku, je la feliĉo de la nova mastrino de Malnieki,« urĝis la maljunulo, kaj Andro kaptis la glason kaj malplenigis ĝin. Post tio li sin turnis kaj eliris.

En la ĉambro ĉiuj estis eksilentintaj.

Kunpreminte la lipojn Malnieks rigardis ĉirkaŭen kaj iris en la ĉambron de la mastro.

»Belstatura, forta junulo,« li diris trankvile, metante la botelon sur la tablon. »Venontjare ni dungu lin por Malnieki.«

»Mi ne kredas, ke li venos, ankaŭ ĉi tie li fartas bone,« respondis Lenjo same trankvile, kaj afable rigardis al la maljunulo.

»Jen kiel,« diris Malnieks.

Dume Andro foriris al la stalo, al sia grizhara ĉevalo, kiu malsate manĝis la fojnon. Li metis la manon ĉirkaŭ la malseketa kolo de la ĉevalo, premis la frunton sur la kolharojn kaj karesis ĝin.

La ĉevalo ekhenetis kaj daŭrigis la manĝadon.

La junulo ne ĉesigis la karesadon kaj la grizharulo turnis kvazaŭ mirigita la kapon kaj per sia buŝego tuŝis la kubuton de Andro.

»Mia grizharuleto!« Andro flustris konvulsiiĝante. »Mia grizharuleto!... Mia ĉevaleto!... Mia grizharuleto! . . . Mia feliĉo ! . . . Mia feliĉo!... «

»Mia floro!«...

Trad. *Ed. Dancis*

ke la knabo sidas tute proksime ĉe l' akvo kaj ekregis lin malbona tento.

Li puŝis lin kaj la knabo flugfalis kapantaŭe en la akvon.

La lumeto fulmetis kaj estingiĝis en liaj okuloj, kiujn plenigis la akvo.

En la sama momento el la profundo leviĝis Akvo-patrino, suprenportante sur sia elstara brusto, kiun levadis potenca spirado, molajn, larĝajn ondojn.

Ŝi prenis la kompatindan knabon, premis lin al sia malseka brusto, kovris per siaj ŝlime-nigraj haroj kaj portis malsupren en sian vitran palacon.

Ŝi kuŝigis lin sur sablan littuketon kaj surblovis sian spiron odorantan je ŝlimo kaj fiŝo. La knabo ekĝemis kaj malfermis la okulojn.

»Kie mi estas?« li demandis.

»Dormu, dormu, mia knabeto, vi estas ĉe la patrino.«

— — — — — — — — — —

Matene antaŭ la pordego de la palaco digne moviĝis tien kaj reen la maljuna gardisto, onklo Siluro.

Ŝajnis, li ion parolis kaj liaj vortoj suprenleviĝis, kiel palaj aervezikoj.

La malgranda fiŝeto Ploto, eta kaj orkolora, kiel aveneto, apenaŭ estis rimarkebla antaŭ li.

»Ho, kia bela knabeto!« ekkriis la fiŝeto, ekvidinte la knabon, kiu ankoraŭ dormis, metinte la vangon sur la sablan kusenon.

»Ho, mi volas lin kisi!« Ploto kvazaŭ fajrereto alkuris kaj per sia buŝeto tuŝis la malvarmetan vitron.

Gin rapide sekvis tuta aro da malgrandaj fiŝetoj kaj dancis ĉirkaŭ la palaco kvazaŭ ora pluvo.

»Foriru, foriru,« onklo Siluro dispeladis ilin per sia vosto. »Vi vekos la knabeton!«

Nun komenciĝis trankvila krepuska vivado sur la fundo de l' rivero, kiun ĝenis nur ombro de iu transpasanta ŝipo. Tie ĉi malsupre oni ne konis la tempon, nenio okazadis tie ĉi kaj la jaroj forglitis ne rimarkite. El la knabo nun iĝis plenkreska junulo kaj iun tagon Akvo-patrino diris, ke li devas vidi mondon kaj ion lerni kaj ke li iru rigardi ŝian regnon.

Onklo Siluro jungis la fiŝostan veturilon kaj diris:

»Ensidiĝu, mi veturigos vin al la granda Fiŝo. Gi estas la plej saĝa en la mondo.«

Onklo Siluro ekklakis per vipo kaj du blankaj koregonoj kuris fulmorapide. La granda Fiŝo loĝis sub malnova kverko eltordita de ventego, kies stumpajn ĉirkaŭrompitajn branĉojn nigrigis la ŝlimo de l' profundo.

La junulo riverencis kaj diris:

»Diru, Fiŝo, vian opinion kaj kia estas via maksimo.«

»Kapti kaj gluti, kapti kaj gluti — jen mia maksimo!« diris la Fiŝo kaj rigardis lin per rondaj elstaraj okuloj.

»Ve, do tie ĉi malsupre regas la sama maksimo, kiel supre,« pensis la junulo, »ankaŭ tie ĉiuj kaptas kaj glutas, kiom nur eblas.«

Li ekmemoris, ke neniam li sukcesis reteni en la mano panpecon. Ĉiam li perdis ĝin.

»Ni veturu ankoraŭ al la kankro. Ankaŭ tiu estas saĝa viro,« diris Siluro.

La kankro sidis antaŭ sia kaŝtruo, kiam ili alveturis.

»Diru, kankro, vian opinion kaj kia estas via maksimo,« petis la junulo.

## Mi

— FRICIS BARDA —

Senĉese turmentas demandoj min tri:  
kio estis, estos kaj estas mi?  
Respondoj estiĝis, formortis sen spur',  
ĝis fine postrestis ĉi tiu nur:

Mi estas nek branĉo, nek flor', nek foli',  
nek stelo, nek suno, nek flam', nek radi', —  
nur eta, eteta polvero el flor',  
en vent' de l' eterno fluganta for.

Kaj se mi al vent', min portanta kun kant'  
min turnas ankoraŭ por plua demand':  
el kiu do floro elflugis mi?  
ĝi kante respondas: la flor' estas — Di'!

Trad. *N. Kurzens.*

## En tunelo

— FRICIS BARDA —

Tunel' malluma ŝajnas nia viv'.  
Mi scias — estis lumo ĉe l' komenco.  
Mi scias — estos lumo ĉe la fino.  
Nur nun mallumon traas nia driv'.  
Da lum' ne estas en ĝi pli,  
ol, amatin', per kiom vi  
sur voj' por mi lumigas, —  
vin mem forbruli igas.  
Jen man', amiko! Baldaŭ estos fin' —  
la lum' eterna fontos kontraŭ nin.

Trad. *N. Kurzens.*

## Dum kreskas ombr'

— AUGUSTUS SAULIETIS —

Ĉu vi rimarkis jam, amikoj,  
ke venas koron trista ir',  
dum vesperombroj etendiĝas,  
ekmalvarmetas boska spir'?

Al okcidento iras suno...  
Jam baldaŭ ombron tegos ombr',  
ĝis, nokte, sole steloj lumos  
simile torĉojn super tomb'.

Ja sun' en sia ora krono  
post vojo fora venos re;  
sed kelkaj koroj dume sentos:  
por mi plu ne, por mi plu ne!

Trad. *N. Kurzens.*

---

La kankro levis la pinĉilojn, kvazaŭ dezirante pinĉi al si mem, kaj diris:

»Jene meditante mi ja trovas nenion pli bonan ol varman kaŝtruon kaj bonkvalitan manĝopecon.«

»Tie ĉi mi nenion lernos,« diris la junulo al onklo Siluro veturante hejmen. »Ĉe ni supre ĉiuj opinias same.«

Kaj li eksopiris al sunlumo.

Malgaje li promenis en la vitra palaco, kiun enpenetris nur malklara brilo de l' akvo.

»Akvo-patrino,« li petegis, »Lasu min borden! Mi volas vidi la sunon!«

»Nu, kion vi faros tie, mia knabo? Kio okazos tie al vi?« ĉagreniĝis Akvo-patrino. »Nun vi rigardos en aeron, same kiel tiam en la akvon kaj vi ree perdos

# Nek hundo, nek lupo

— J. JAUNSUDRABIŅŠ —

Kiam Raups, renkontinte Ŝajcanon, demandis pri lia bonfarto, la demandito sciis, ke la najbaro ne interesiĝas, kiel kreskas la sekalo aŭ cerealo, ĉu la brutaro estas sana aŭ kiaj estas ĉijare la legomoj. Li diris:

»Eĉ ne diablo!«

»Jes, ĉe mi la samo. Anasoj foriris al la Daŭgava dum la plej varmega fojnrikolto, kiam al mi tempo mankis. Tetraojn, ne sciate kial, oni ne rajtas pafi. Tetrojn — sen edukita hundo estas malfacile trovi. Nun ankoraŭ restas esperi je leporoj. Kiam komenciĝas folifalado — ili venas preskaŭ en mian korton«.

»Nu, ni vidu, kia estos la vintro.«

»Ĉion bonan!«

Ni demandu, kiam do al ĉasisto sufiĉas. Vintre renkontiĝinte ili denove plendis. Eĉ monon por la kugletoj oni ne povas pafgajni. Al la societo tiom grandaj pagoj, sed de l' farmo — enspezoj neniaj. Eĉ ruiniĝo minacas.

Tamen ruiniĝi ne estas tiel facile, kaj tiuj, kiuj mem parolas pri tio, neniam ruiniĝas. Ruiniĝas tiuj fanfaronuloj, kiuj ĉion havas plenplene.

Verdire, malbonaj cirkonstancoj de la naturo estis kaŭzo de malsukceso en ĉasado. Neĝo aŭ tute ne estis, aŭ se komencis neĝi, kovris la teron tia tavolo, ke eĉ sur ebenaĵo sen skioj oni ne povis moviĝi antaŭen, sed eniri arbaron aŭ paŝtejojn — eĉ ne pensu. Sola ĉasmaniero estis — nokte sidi ie kaj atendi, ĝis iu viva estaĵo mem venas al pafilfinaĵo.

Ŝajcans rakontis, ke li pafadas leporojn sole tra la fenestro de l' antaŭĉambro. Raups diris, ke li havigis nur unu, kaj ankaŭ tiun li akiris ne per pafado, sed per kapto, per nudaj manoj, kiel oni diras, kvankam gantoj estis sur la manoj.

»Ha, ha! — Je kolumo, kiel ŝteliston.«

»Aŭskultu nur, kiel estis. Mi jam observis, ke la fojnstako ĉe la arbara rando estas manĝtuŝita. Kaj jen, ĉe la apero de nova luno, mi vespere foriris, eniĝis en la fojnon en ventŝirmita flanko kaj sidas. Pafilo estas pafpreta. Do, tuj kiam ĝi venos, mi kuglegos inter la kornojn tiel, ke eĉ la lano disiĝos. Sed ĉu ĝi devas veni ĝuste de tiu flanko, kie mi atendas? Mi rigardas kaj aŭskultas, sed ne venas kaj ne venas. Subite de dekstra flanko io eksusuras. Pum! Kaj jen sidas tia frato ĝuste sur mia pafilfinaĵo. Kiel mi pafu nun? Mi kaptas ĝin per ambaŭ manoj kaj poste prenas je oreloj, kiel kuniklon, kaj iras hejmen«.

Jes, al ĉasistoj okazas diversaj aventuroj, alie ja ili nenion havus por rakonti. Kaj sufiĉe stranga kaj malagrabla aventuro okazis en ĉi-sama profunda vintro ankaŭ al Ŝajcans kaj Raups.

Iun vesperon Raups venis el la parohestra bieno, ĉar li estis membro de la konsilantaro. Pafilo, komprenebla, kie ajn li iradas, estas surŝultre, same ankaŭ ĉi-foje. Li iras kaj la okuloj atentas ĉiun plej etan movon en la aero kaj super la blanka tero. Li scias iri la vojon memore. Tuj estos monteto Krevelis. Tie, pli malproksime, maldekstre, nigre nigra densaĵo, kie ne maloftc okazas, ke dum ĉasado de lupoj oni povas...

Varmo kaj malvarmo trakuras la ostojn de Raups. Li rigidiĝas, metinte unu piedon malantaŭ la alia, kiel farinte paŝon. Kaj flanke, trote venas, ĝuste renkonte al li — lupo, granda, ruĝete griza lupo. Je kvindek paŝoj ĝi kvazaŭ ekskuiĝas, glatigas siajn stumpajn orelojn, kaj kurbigas la malantaŭajn piedojn kvazaŭ por sidado. Ŝajnas, ke li rimarkis Raupŝ-on, kvankam

la panpecon... Halt', mi donos al vi ion. Se oni vin ĝenĉirkaŭos tie, ludu ĉi tiun ŝalmeton.«

Ŝi donis al li ankoraŭ algo-surtuton broditan per perloj, kaj lastfoje kun patrineca varmo karesis liajn harojn.

Nun ŝi ĉirkaŭprenis lin, envolvis en siajn harojn kaj leviĝante kun ondo, suprenportis kaj metis lin sur la bordon.

Estis nokto. Supre, same kiel iam, ĉiudirekten kuretis la steloj. Antaŭ li sur la bordo la reĝa kastelo radiis pro brilega ilumino. La stratoj ankoraŭ estis plenaj de homoj. Ili gaje parolis kaj babiladis kaj la junulo aŭdis, ke la princino atendas svatontojn. Ke tiuj veturas el ĉiuj landoj, jen en oro, jen en arĝento. Ke nur la vera ankoraŭ ne venis.

La junulo pensis, ke ankaŭ li povus eniri — simple nur rigardeti, kiel la eta princino, kies vizaĝeto tie en la profundo de la rivero ĉiam ŝvebis antaŭ li kvazaŭ pala nimfeo, sidas nun en la patra kastelo en sia brilo, kiel reĝino kaj fianĉino.

La junulo montris al la gardistoj la ringon de la princino kaj ili enlasis lin.

En la kastelo la tabloj estis aranĝitaj, en ĉiuj salonoj sonis muziko. Svatantoj svarmis tie ĉi nebuldense. La princino iradis ridetante inter la gastoj, sed al neniu sin promesis. Ŝi ĉiam ankoraŭ atendis iun.

Kaj la junulo sentis sin tiel malbone, tiel malbone. Ĉiuj surpaŝis liajn piedojn kaj puŝis lin flanken per kubutoj. Li sentis sin kvazaŭ en malbona sonĝo.

Kiel falsa ĉio aspektis tie ĉi. Kiaj princoj ili estis! Ŝajnis, ke iliaj lipharoj kaj barboj estas algluitaj.

Fine li estis premita en angulon post la pordo, de kie li eĉ de malproksimo ne povis vidi la princinon. Nun li kaptis sian ŝalmeton kaj molaj akvosonoj ekmurmuris tra la salono.

Ĉies piedoj komencis leviĝadi. La junulo ludis ĉiam pli kaj pli rapide. Ĉiuj spiregis kaj saltadis, ĝis kiam la falsaj barboj defalis kaj ĉiu montriĝis en sia vera aspekto. Troviĝis tie ankaŭ la viandista servisto, kiu iam forprenis de li la panpecon. De ĉiuj landoj estis alveturintaj tiuj ĉi svatantoj, kiuj nur povis kudrigi por si luksan surtuton.

La ŝalmeto sonis kaj fajfis. La svatantoj faladis kaj ebriulpaŝe malaperis tra la pordo. La salono estis malplena. Ankaŭ la princino estis falinta sur divanon.

Nun ŝi leviĝis kaj per fingreto invitis la junulon.

Ŝi kondukis lin en malgrandan ĉambreton, kiun ŝi plenigis per sia dolĉa spiro. Tiam ŝi prenis la kapon de la junulo en siajn mallarĝajn manplatojn, rigardis en liajn okulojn kaj diris:

»Vi estas mia vera fianĉo.«

Tie ili sidis kaj parolis. Sed ankoraŭ pli dolĉe estis, kiam ili silentis.

Dume leviĝis la suno kaj rigardis tra la fenestro. Sed la kortan ŝtuparon supreniris la kortisto kun balailo kaj balais trans la sojlon malsupren la orajn ornamtufojn, galonojn kaj falsajn barbojn.

Trad. *R. Ŝtamers*

tiu staras kiel salkolono, kaj eĉ forgesis, ke pafilo estas sur lia ŝultro. Tiam la lupo per granda salto ĵetas sin flanken. Ĝi kvazaŭ naĝas en profunda neĝo dronante ĝis korpmezo. Nun Raups rekonsciiĝas, metas la pafilon al la vango, kaj la lupo estas kuŝigita.

La pafinto momenton staras apud la blua nubeto, kaj time rigardas al ĉiuj flankoj, ĉu lian heroaĵon ne ĉeestas neatendita atestanto. Sammomente li pritaksas sian akiraĵon. Por lupa felo oni ne ricevos tiom multe, kiom por la vulpa, sed dudek latoj sendube estos. Malsaĝa mondo, kiu vulpojn taksas pli alte ol lupojn...

Ankoraŭ momenton Raups staras, senspire aŭskultas kaj rigardas. Li vidas, ke la besto kuŝas, preskaŭ tute droninte en la neĝo. Oni povas opinii ĝin ankaŭ konifera branĉo aŭ fojnaĵo. Baldaŭ la mallumo pliiĝos kaj certe post nelonga tempo ĝi dronos ankoraŭ pli profunden, ĉar la neĝo estas kvazaŭ cindro. Tiam Raups turnas siajn okulojn al la korto de Krevelis kaj ŝajnas al li, ke tie ĉe greneja angulo staras viro kaj rigardas, kiu tie ĉi en vespera mallumo povis pafi en lia parcelo. Jes, vere, estas la parcelo de Krevelis, kie nun staras Raups. Se li nun iros kaj prenos sian ĉasaĵon sur la ŝultrojn kaj rapidos hejmen, la tie staranta homo postkuros lin pensante, ke li ŝtelpafis kapreolon. Ne, li nun iros trankvile hejmen kaj alveturos per ĉevalo. Ĝis li atingos la hejmon, pli mallumiĝos, kaj kiam li alveturos, estos vera nokto. La felon dividi li volas kun neniu.

Duonhoron poste, de Kraslava veturas hejmen Ŝajcans, iomete ebriiĝinta, sed same la ĉirkaŭon observas kaj aŭskultas. Apude, sur sidilo, sub lana kovrilo, kuŝas lia malnova dutuba pafilo. La ĉevalo egalpaŝe trotas. La glitveturilo glitas kvazaŭ sebita. Ĉie estas silento kaj relative varma vetero. Ĉe monteto de Krevelis, Ŝajcans subite kuntiras la kondukilon tiel, ke la ĉevalo ekhaltas surloke. Senvorte li saltas el la glitveturilo kaj rigardas.

Jes, tie estas tute freŝaj postsignoj de lupo. Ŝajcans prenkaptas la pafilon, saltas trans la vojflankan fosaĵon kaj vadas en la neĝo kvazaŭ en akvo, dezirante konvinkiĝi, ĉu ĝi ne estas vundita, ĉar veturinte tra arbaro li aŭdis obtuzan pafon de tiu ĉi flanko.

Ne, sango en la postsignoj ne estas. Li volas returniĝi kaj iri al la ĉevalo. Sed ankoraŭ per la okuloj li sekvas la vicon de postsignoj kaj rimarkas ne malproksime de si makulon malhelan. Li iras kaj komprenehle trovas la mortpafitan beston. Mortigita lupo. Miraklo, ke neniu ĝin postsekvis. Ŝajnas, ke mortpafita surloke, ĉar nur tie ĉi estas sango. Por esti certa, li ankoraŭ puŝetas ĝin per la kolbo de la pafilo. La besto estas rigida. Nun Ŝajcans rigardas ĉirkaŭen, kvazaŭ atendante, ke iu ekkrios — ne tuŝu! Tiam li prenas la feliĉan trovaĵon je vosto kaj tiras al la vojo. Tie li ĵetas ĝin en la glitveturilon, kovras per tuko, ensidiĝas kaj veturas, unu piedo ekster la glitveturilo.

Post nelonga tempo Ŝajcans vidas, ke renkonte iu rapide veturas. Kiam la veturanto proksimiĝas, li rekonas, ke tiu estas Raups. Sed li ne salutas kaj ne alparolas lin. Li eĉ entiras la kapon profunde en la kolumon de l' pelto kaj kurbigas sian dorson laŭeble pleje, por pli aspekti kiel maljunulo.

Raups tamen rekonas Ŝajcans. Rekonas laŭ la ĉevalo, laŭ la jungaĵo, laŭ la pelto kaj laŭ la ĉapelo, ĉar ne estas tiel mallume, ke oni povus vidi nenion. Sed kial li havu kapdoloron pro Ŝajcans, se lin atendas gravaj aferoj. Li ĝojas, ke la najbaro estas ebrieta, kaj eble ekdormetis, lin ne rekonis kaj ne alparolis.

## Fastotempa floro

— ASPAZIJA —

Senforta flor',
tro frue burĝoni vi ekas!
vi pala rampadas, sen temp' vekiĝinte,
la suk' ne kapablas penetri ĝispinte —
do kial vi ĵetis ŝelmaskon!

Vin savu for!
ankoraŭ nordvento ja blekas,
flor' ĉiu ankoraŭ dormetas sub ŝelo,
ankoraŭ ne flugas eĉ unu abelo
por fari sian taskon.

Ho, fastoflor',
la temp' de l' sufero vin vekas!
Sort' via — la sorto de ĉiu unua:
neniam li vivas ĝis aĝo malfrua,
ne vidas la sunan paskon!

Trad. *N. Kurzens.*

## Mallonga printempo

— ASPAZIJA —

Printempofinon diras jam paruo!
al ni ne lasas sort' sen haŝt', senkure,
ke l' vivodolĉ' fermentu ĝismature,
fluante sen rapid' el ĉel' en ĉelon.

Nin ne atingos suna varmofluo,
donanta al l' aŭtun' mildruĝan belon,
sur laca branĉ' al frukto dolĉan ŝvelon —
printempofinon diras jam paruo —
kun hasta gest' ni vivon prenu, kure.

Trad. *N. Kurzens.*

---

Preterveturinte, li vipas la ĉevalon kaj lasas ĝin ree rapide troti.

Sed atinginte la monteton de Krevelis, Raups eligas tute fian malbenon, ĉar ĵetinte rigardon al la neĝo, li vidas, ke ĉi tie io okazis. La postsignoj de la lupo estas neniigitaj. Anstataŭ ili nun estas efektiva foso profunda kaj larĝa.

Raups barakte vadas. Alvadas kaj vidas la lokon, kie la mortpafita besto kuŝis, vidas la sangmakulon, sed tio do ja estas ĉio. Dum momento li staras kvazaŭ senkonscia kaj aŭskultas, kiel lia propra koro batas kun granda bruo. Sed poste li kvazaŭ vekiĝas el dormo kaj krias:

»Do tiel!«

Ripetante ambaŭ sensignifajn vortojn plurfoje, li iras al la ĉevalo, ĵetas sin en la glitveturilon kaj galopas reen. Nun li scias la kulpulon. Nu jes, tion oni jam tuj povis pensi. Neniam ankoraŭ Ŝajcans lin preterveturis sen alparolo. Do, kial li subite iĝis tiel fiera? Klare videbliĝas, ke la konscienco estas malpura. Ŝteli kaptaĵon de alia estas simile, kiel rompe malfermi kaj priŝteli grenejon aŭ ŝtele eligi ĉevalon el stalo. Kaj ankoraŭ li nomas sin bona najbaro kaj amiko...

Koleriĝante kaj pense farinte Ŝajcan-on plej terura krimulo, Raups veturis, kiel rapide li povis, kaj ne alivoje ol rekte al la hejmo de Ŝajcans. Apenaŭ unu haltigis sian ĉevalon ĉe la grenejo, kiam ankaŭ la alia jam alvenas kaj agas tute senhezite. Dum Ŝajcans okupiĝas ĉe la kapo de l' ĉevalo, penas malligi la bridŝnu-

ron de la timono kaj malligi la kondukilon, Raups malkovras la kovrotukon kaj diras:

»Kie vi tion ĉi prenis?«

»Ĉu estas via afero?« respondas Ŝajcans trankvile, ĉar nun valoras nenia sinkaŝado.

«Ĉu mia afero? Mi ĝin mortpafis«.

»Jen miraklo,« Ŝajcans ridas »vi pafas kaj ĝi falas en mian glitveturilon. Ĉu vi ne estas iom frenezîĝinta?«

»Ridu kiom vi volas, sed fripono vi estas. Diru al mi la veron, ĉu vi ne trovis ĝin sur la monteto Krevelis?«

»Jes, kaj? — kompreneble mi ĝin tie pafis kaj trovis.«

Mastrino, aŭ eble servistinoj, aŭdinte la laŭtajn voĉojn en la kortmezo, malfermas la pordon de la antaŭĉambro. La parolantoj iĝas pli mallaŭtaj.

»Sed nun ja vi mensogas!«

Raups kunigas la manojn, momente kun domaĝo alrigardas sian najbaron. Poste, la kapon skuante li diras: »Kun vi mi ne juĝprocedos, do ne peku. Mi ja certe scias, ke ĝi estas mia lupo.«

Ŝajcans kvazaŭ ekhontas, tamen ankoraŭ ne cedas.

»Se la lupo kuŝis sur la monteto Krevelis, do ĝi apartenas al Krevelis, sed ne al vi. Kaj se la lupo apartenas al Krevelis, do mi interkonsentos kun li pli rapide ol vi, ĉar de edzina flanko li parencas kun mi.« Malgraŭ la kolerego granda, la voĉoj de la najbaroj iom post iom mallaŭtiĝas, kaj oni povas konjekti, ke alvenis la momento por paciĝi. Kiam la ĉevalo estas maljungita kaj enkondukita en la stalon, Ŝajcans je timonoj tiras la glitveturilon en veturilejon. Ĉe la pordo, al la nuda tero la glitiloj kvazaŭ algluiĝas. Raups iras helpi. Li puŝas kaj puŝante diras:

»Kial ni ankoraŭ la trian serĉu. Se jam tiel okazis — do ni dividu inter ni ambaŭ.«

Dum momento Ŝajcans konsentas je nenia divido. Se jam trafis lin la feliĉo, se li pafis lupon, do li rezervos ĝin sole al si mem. Sed kiam Raups komencas paroli, ke Krevelis certe vidis, ke sur lia kampo io kuŝis kaj se Ŝajcans obstinos, li tuj veturos tien kaj rakontos la veron — tiam la obstinulo iĝas pli cedema. Ili ambaŭ prizorgas la ĉevalon kaj eniras la ĉambron, kie la mastrino dum longa tempo ne povas kompreni, kian negocon ili havas. Nur kiam ambaŭ najbaroj fine eliras kaj altrenas la grandan, grizan beston, ŝi vidas, ke estas lupo, pri kio ili diskutis. Kunfrapinte la manplatojn ŝi miras, per fingro tuŝante la grandajn, blankajn dentojn de la besto, kiuj estas kvazaŭ mordopretaj.

»Tute simila al hundo, vera hundo«, ŝi diras.

Ambaŭ najbaroj trinkas glaseton kaj komencas senfeligi la lupon. La afero ne estas simpla. Lupon oni ne povas senfeligi kiel bovidon aŭ ŝafon. Oni ne povas ĝin tranĉi, sed devas fortiri kiel la felon de putoro aŭ sciuro. La felo devas esti tia, kvazaŭ la besto estus ĝin forlasinta memvole, eliĝinte kun la tuta kapo kaj vosto. Tio ne estas facila kaj la penado ĉe la senfeligo devigas ilin forgesi ĉion antaŭan. Ŝajcans kaj Raups ree estas amikoj, decaj ĉasistoj, kiuj ne malpaciĝas pro bagatela lupa felo. Kiam ĉio estas en ordo, meznokto ne estas malproksime. Nun estas mardo. Vendrede en Kraslava estos bazaro. Tiam ili ambaŭ veturos kaj provos vendi sian ĉasaĵon. Ŝajcans kun la felo alveturos al Raups kaj tiam — kune.

Manon etendante, Raups rigardas la belan, grizan felon, kiu pajlŝtopita pendas ĉe la kuireja muro kiel lulilo, nazpinto preskaŭ ĉe la plafono, sed la vosto preskaŭ teron atingas.

»Ĉiu kvincenton ricevos« elirante li diras indiferente, »sed vi nur ne sonorigu tra la mondo. Dum nokto ĝi sekiĝu tie ĉi, sed morgaŭ matene, antaŭ ol la virinoj leviĝas, necesas ĝin kaŝi ie.«

Por ke Raups povu veturi hejmen tute trankvila, Ŝajcans prenas ŝirmitan kandelingon en unu manon, metas subbraken la lupan felon kaj ŝtupas laŭ kadra ŝtuparo al la subtegmentejo. Ankaŭ li ne volas doni trionon al Krevelis.

»La kamentubo estas varma«, li diras »kaj tie supre nenia diablo iras.«

»Nu, do — estu sana!«



J. Rozentals *Morto*

## La ĝojo

— JANIS AKURATERS —

Ni por moment' la triston ekmalŝatu.
Doloras ĉio; tagoj — nura vund'.
Nun venas li — delonge atendata,
kantata en poemoj kun abund'.

Kun la alven' de l' suno junradia,
kun luna pal' de floraroma nokt'
aperas lia kapo glore dia,
en kor' ekritmas karnavala takt'.

Sonegas bronz', ebrias kor' turmenta.
El for' jubilas tondre karnaval'.
Li sekvas, kun kaliko pezarĝenta,
monahojn nigrajn — brila kardinal'.

Trad. *N. Kurzens.*

## La savboatoj

— JANIS AKURATERS —

Dum sur la kampoj suno
vagas kun vent' libera,
al ni en revoj etaj
pasas la viv' surtera.

Kaj dum kolomboj blankaj
flugas trans vastajn forojn,
ni en malgajon nuban
dronas kun la memoroj.

Sed estas facile trans vivon
flugi per nubo-veloj,
se prenas kun si l' animon
la revoj — oraj libeloj.

Trad. *N. Kurzens.*

## Teruro de l' feliĉo

— KARLIS KRUZA —

Se sur la tur' kapturne vi eksvenas,
do vanas ĉio, vanas la laboro,
eĉ se al vi tre fruis la aŭroro,
eĉ se la koro de fiero plenas!

Se frosta ŝvit' al vi surfrunte venas —
sen baz' l' amason malestimis koro;
rigardu nur: ne pasis ja eĉ horo,
vin mem jam volve polvo ĉirkaŭprenas!

Se al la alt', do ĝis al cel', senstare, —
plezur-teruron de l' feliĉ' elteni,
glacion spiti, kiu kuŝas bare,

ĝojegon senti, kian eĉ kompreni
ne povas, kiuj groŝojn ŝanĝas ŝpare,
mil matenruĝojn en l' animo teni!

Trad. *N. Kurzens.*

## Kiam plu ne ridos ĝojo

— JANIS PORUKS —

Kiam plu ne ridos ĝojo,
larmojn plu ne havos plor',
amo estos foramita —
min enlulos mortlangvor'.

Tiam al tombej' ne venu,
min ne veku, amatin'.
Larmoj, ĝojo kaj la amo
tiam plu ne tuŝu min.

Sur la tomb' nur rozoj floru
en silenta idili';
kiujn dum la viv' mi amis,
ĉiuj dormu apud mi.

Trad. *N. Kurzens.*

---

En la bazaro de Kraslava Ŝajcans iras kun Raups tiel proksime ŝultro ĉe ŝultro, kvazaŭ ili estus dunaskitoj. Ili serĉas la longan Davidon, kiu aĉetas diversajn felojn kaj pagas plej altajn prezojn. Kiam tiu estas trovita, ili kondukas la judon en kampulgastejon, unu restas ĉe la pordego, sed la alia levas la kovraĵon de la glitveturilo, flustras kaj faras terure seriozan mienon. Tiu estas Raups, kiu transprenis la rolon de la vendanto. Ŝajcans de malproksime ne mallevas sian rigardon de la du figuroj, kiuj moviĝas tie ĉirkaŭ la plena glitveturilo. Li atentas ankaŭ la mienojn de ili. Rigardu nur, ĉu en la blanka barbo de Davido ne malfermiĝis eta fendo, en tiu loko, kie devas esti la buŝo? Vere, — la judo ridas, malestime svingas per la mano kaj foriras. Sed Raups staras kvazaŭ falinta el nuboj.

Nun Ŝajcans ĵetas sin tien.

»Kiom li donas?«

»Kiom li donas? Jen donos al vi! Kiom li donas? Nenion donas nek volas! — Li diras, ke ĝi estas hunda felo.«

»Hunda felo? Lupo en hunda felo! Jen estus mirakło. Ĉu vi estis blinda, ke vi hundon pafis?«

»Kion vi diras? Nun mi estas la pafinto! Ĉu vi mem ne diris, ke vi lupon pafmortigis? Vi ja eĉ paroli kun mi ne volis, kiam mi atingis vin postsekvante. Ne, se ĝi estas hundo, do ĝi estas la hundo de la pastro, neniu alia ĉi tie havas tian. Kaj se ĝi estas la hundo de la pastro, do mi ĝin eĉ ne vidis, ne nur ke mi ne pafis.

»Nu jen, — nun vi, ŝajnas, volas aserti, ke mi estas la kulpulo, kvankam vi mem bone scias kiel la afero estis.«

— Kvazaŭ interkonsentinte, ambaŭ najbaroj levas iomete angulon de la kovrilo kaj rigardas — Nu, lupo kiel lupo!

»Se tio ne estas lupo, do hundo ja tute ne,«. Raups volas konvinki la najbaron.

Kaj la najbaro rediras:

»Se tio estas nek hundo, nek lupo, mi volus scii, kio do en la mondo havas similan felon?«

— Ree oni vidis Ŝajcans kun Raups irantajn en la bazaro kiel fratoj, ŝultro apud ŝultro. Ili iradis, eniris unu drinkejon, duan, — trinkis sian boteleton kaj nerekte demandis kamaradojn de la tabloj, ĉu en la mondo ekzistas tiaj hundoj, kiuj aspektas tute kiel lupo. Eksciinte, ke ekzistas, tiaj, kaj ke ankaŭ la loka pastro tian havis, ĝi estis multekosta kaj saĝa hundo, sed subite ĝi malaperis kaj al trovinto estas promesita granda monpremio, — ambaŭ alrigardis unu la alian kaj baldaŭ leviĝis por veturi hejmen. Kiel saĝe tamen, ke ili ne estis fanfaronintaj pri sia ĉasaĵo antaŭ la tuta mondo.

Kie restis la felo de la pastra hundo, ankoraŭ hodiaŭ scias neniu escepte de Ŝajcans kaj Raups.

Trad. *A. Libers*

# La sonĝo de l' Satano

— J. Akuraters —

La Satano dormis en ombro de floranta Alpa valo. La suno jam deprenis de la glaciaj montopintoj siajn ruĝajn kronojn kaj krepusko ekvaĝis en la valoj, kiuj vaporis de bonodoro. Ĉirkaŭe floris violoj kaj ie, en glaciaj altaĵoj, bruegis malproksima akvofalo.

Horo de beleco venis sur la teron.

Kaj la Satano dormis kaj sonĝis. Lia fiera animo estis plena de doloro pro tio, ke li ne havas eblon krei karnon, korpon, en kiu povus vivi spirito simila al li.

Li rememoris la kreadon de la tero, kiam Jehovo, soifante potencon, kreis tiom da sklavaj, senenergiaj kaj kontentaj kaj malfortaj, kies sola devo estis kanti himnojn al sia Kreinto kaj tremi antaŭ li. Kaj kiam ĉiuj tiufoje kantis himnojn, li foriris de la trono de Jehovo, plena de kolero kaj doloro.

Laŭ sia aspekto kaj sia vizaĝo Jehovo estis kreinta la homojn, kaj kiaj do ili povis esti, se ne sklavoj? Tirano ne povas krei sendependan, perfektan kaj belan.

Kaj la Satano sonĝis pri sia homo.

Violkolora mallumo kovris la montojn kaj ankoraŭ pli forte bonodoris la herbejoj. Kiel amara mielo, kiel incenso estis la bonodoro kaj en la kapo de l' Satano naskiĝis pensoj kaj ekmuĝis kiel oceano.

— — — — — — — — — —

Li staris sur nova tero, kiu ne bezonis sunon. Giaj montoj estis plenaj de rubenoj kaj flavaj diamantoj, ĝiaj valoj estis plenaj de la arboj de avido kaj scio, kaj ĝi tuta fumis kiel altaro el nevelkemaj rozoj. Dolĉa ebrio kreskis en la brusto de l' Satano: li serĉis homon, sed homo ne estis — estis nur ostaro, kiun Jehovo kreis por si sklavo.

»Ĝi ne estas homo por mia tero«, diris la Satano kaj malĝojiĝis.

Ĉu povas loĝi spirito en ĉi tiu korpo, kiu estas kreita el polvo kaj vivas nur unu momenton, kiel akvoveziko? Kaj la koro, kiu estas plena de zorgo kaj sklaveco, kiel kadavro, plena de vermoj, kiu cirkuligas la maldensan sukon — sangon tra la karno! Bedaŭrinda koro!

Kaj ĉi tiuj okuloj, kiuj vidas nenian belon kaj ĉi tiu cerbo, kiu scias nenium el la plej elementaj sekretoj: nek tempon, nek spacopercepton, sed kondukas sian posedanton kiel blindan almozulon tra la mondo, kaj ĝojas la almozulo, kiam sub liaj piedoj estas firma fundamento.

Kaj ĉi tiun ombron Jehovo nomas la plej alta estaĵo de la kreitaĵo. Bedaŭrinda Jehovo!

Kaj la Satano elprenis la homan koron kaj metis ĝin ĉe siaj piedoj. Kaj li metis en la bruston de la homo novan koron, belan kiel plej bela sukceno, kaj li elprenis liajn vejnojn kaj enmetis tien riverojn de la maro de l' vivo kaj verŝis en la novan koron sangon, kiu estis varmega kiel fajro kaj plenigis la korpon de la homo kvazaŭ per fajreroj; sed de la fajreroj la tuta karno ekfandiĝis kaj tremis sentante diecon.

Sed ĝi ne plu estis homa karno, kiu putras kaj putriĝas. Ĝi estis nova karno kaj en la akvoj de Gango ne estis eĉ unu lotuso, kiu estus pli milda, pli pura kaj pli bela ol tiu ĉi karno.

Kaj ekrapidis la Satano tremante de ĝojo kaj elprenis la homajn okulojn kaj metis ĉe siaj piedoj, kaj kreis novajn okulojn; ili vidis trans la tempo kaj spaco kaj trans la eterneco kaj por la homo ne plu estis sekreto, kaj la steloj, la plej belaj, forflugis de la trono de Jehovo por rigardi la belecon de la okuloj, de l' homo kaj revenis paliĝintaj.



V. Purvitis — *Vintro en arbaro*

## Vintronokte ĉe l' fenestro

— J. PORUKS —

Sen kord' liuto,
sen ĝoj' la vivo,
sed sonas, sonas melodi'.
Hejm' sen amato,
sen celo paŝoj,
sed vivi, vivi volas mi.
Ĉe l' volb' ĉiela
glitas la luno
tra l' nuboj — blanka neĝa krust'.
El bosko nuda
neĝblanko brilas,
kaj fremde, fremde pezas brust'.
Vi, ĉielbluo,
vi, stelfajreroj,
de kie via lumtrezor'?
La mia mortis,
en nokt' malluma
ne trovas ĝojon plu la kor'...
De l' frost' regata
trembrilas lago,
krevante laŭtas la glaci';
sed ne frostiĝu
ankoraŭ brusto —
ja vivi, vivi volas mi!

Trad. *N. Kurzens.*

## La hejmoj de l' belo

— JANIS PORUKS —

»Amiko, kie la justec'?«
— Ĝin tenas morta man' rigide!
»Al la espero kia sort'?«
— En tombon dronas malrapide!

»Sed kie havas hejmon l' amo?«
— Al amatina kor' donita! —
»Ne, aliloke mi ĝin vidis:
Sur kruc' ĝi estis alnajlita!«

Trad. *N. Kurzens.*

## Trans vin la vivo ĉiutaga...

— JANIS RAINIS —

Trans vin la vivo ĉiutaga
rivere, malrapide fluas;
libel', sur bordo floroj bluas —
vi flosas kun la flu' sen volo.
Vi flosas kun la flu' sen volo, —
jen vi ridetas florobelon,
jen rigardsekvas vi libelon
al helo de l' ĉiela foro.
Al helo de l' ĉiela foro
vin reve logas dolĉa tento;
kun rido tigojn fleksas vento,
kaj vin fleksadas onda ludo.
Kaj vin fleksadas onda ludo:
jen vin sur ŝaŭman supron metas,
jen turnas vin, sur bordon ĵetas,
sed mem ridante preterfluas.
Sed mem ridante preterfluas
al bluaj foroj de l' ebeno;
vi sola, ĉirkaŭ vi malpleno —
nur pura, seka, blanka sabl'.
Nur pura, seka, blanka sabl',
kaj alte ĉielbluo foras;
kaj via est' al ĝi vaporas
el pura, seka, blanka sabl'.

Trad. *N. Kurzens.*

## Vivon nur vivi — malmult'!

— JANIS RAINIS —

Vivon nur vivi — malmult';
eĉ koni, kompreni — ne ĉio, —
kreski trans vivon la dev',
sorton superi per kresk'.

Semo de l' mondo en vi,
animo de l' mondo estonta.
Estas la vivo nur ŝel',
rompas ĝin ŝvele anim'.

Trad. *N. Kurzens.*

---

Kaj la Satano liberigis la homan langon, kaj kiel arĝenta malproksimen sonoranta sonorilo sonis la homa lingvo kaj la Serafoj kaj Ĉefanĝeloj eksilentis kantante sian himnon, ekaŭdinte la homan lingvon. Kaj la Satano metis la fingrojn en la orelojn de sia homo, kaj la oreloj malfermiĝis por la harmonioj de l' eterneco, kiajn Jehovo mem ne estis aŭdinta.

Tiam la Satano kaptis la kranion de l' homo, elprenis la cerbon kaj metis ĝin ĉe siaj piedoj. Ha, ĉi tiu mizera cerbo! Ĉi tiu putriĝanta bulo de materio, en kiu la homo deziris enteni la vivon kaj la morton, kaj en kiu ja povis ekloĝi nur frenezo! Tio ne estis scio, sed deliro en mallumo. Kaj la Satano prenis penson de ne kalkuleblaj spiritoj kaj metis ĝin en la kapon de sia homo... kaj ruĝiĝis kaj ektremis pro ĝojego la bela Kreinto, ĉar antaŭ li staris homo laŭ lia aspekto.

Kaj la Satano ĉirkaŭprenis sian homon, volvis ĉirkaŭ li siajn diecajn manojn kaj premis siajn lipojn, plenajn de saĝeco kiel vesperruĝon, sur la lipojn de l' homo, kaj ilia spiro unuiĝis, kiel unuiĝas du triumfantaj kantoj; ĉar la senmorteco estis en la kiso de l' Satano kaj la homo nun povis eterne vivi kaj eterne ĝui...

Kaj plenigis la Satano la homan cerbon per sia scio kaj fiereco, kaj ĝi ne plu dispeciĝis, kiel ĉe la homoj de Jehovo, kies kapojn li deziris tuŝi per sia spiro; kaj verŝis la Satano en la koron de l' homo amon, malamon, doloron kaj ĝojegon, kaj ne laciĝis lia koro, kiel la koro de la homo de Jehovo, sed pli kaj pli varmege ekardis en senĉese pligrandiĝanta feliĉo, kiel vulkano, kies torentoj superverŝas la tutan teron kaj ĉielon kaj plenigas la spacon, sed kiu tamen fluas kaj fluas kaj ardas senĉese, sed el la spiro de l' homo elvaporis morto kaj pereo kaj mallumo kaj de liaj okuloj ekbruliĝis milionoj da steloj en la spaco, sed en liaj spuroj floris rozoj, kaj mirtoj verdiĝis kiel netrairebla arbaro, kaj la pordego de l' eterneco estis vaste malfermita por li tage kaj nokte.

En nevelkema beleco staris la homo kontraŭ sia Kreinto — la Satano, kaj ridetis.

Kaj la Satano ardante pro feliĉo, iris al li, ĉirkaŭprenis lin kaj diris:

»Nun vi estas Dio, same kiel mi! Vi estas mia frato, ni iru por ĝui diecan feliĉon.«

Kaj iliaj manoj kunplektiĝis kaj iliaj lipoj renkontiĝis, kaj la tero ektremis pro feliĉo. Iliaj sentoj kunfandiĝis en mallaŭta harmonio kaj ĉi tiu harmonio kreskis je dolĉe sonanta simfonio kaj je frakasanta

## Mont-iranto
— JANIS RAINIS —

... Kaj — jar' post jar' — vi pli soleca iĝos,
amiko post amiko iros for;
malofta vojkunulo nur troviĝos,
kaj nur malofte rokon garnos flor'.

Eĉ ili ĉesos — kaj en muto prema
de l' montoforoj kaptos vin angor';
sed pacon ja ne trovos vid' serĉema:

Sub ŝild' glacia se frostiĝos spir',
en brusto tamen flamos la sopir'.

Trad. *N. Kurzens.*

## La perdita filo
— JANIS RAINIS —

Vespero, pluvo, frosta ventokur',
li — nudpieda, en vestaj' truita;
vi pensas: kun humila pentmurmur'
al patra hejm' revenas fil' perdita?

Sed ĉu ne vidas vi, ke la statur'
fiere-nerompita, ke ŝirita
sur ŝultr' osteca pendas ruĝpurpur'?

Ne venas li, por jugon porti sklave, —
Ne! Vin el templo peli juĝoglave!

Trad. *N. Kurzens.*

## Festeno
— KARLIS SKALBE —

Urbo tuta kaj kastelo
feston festi havis emon.
Sur la strato eta birdo
trovis por si etan semon.

Iris mi al la kastelo
por festeni, kaj ekstaris:
festo de la eta birdo
la plej grandan ĝojon faris.

Trad. *R. Eischenbaums.*

## Preter
— KARLIS SKALBE —

Preter sun' la nuboiro,
preter mia korsopiro
la printempaj birdoj flugas.
Stelo preter stelo velas,
preter mia hejmopordo
vento floraromon pelas —
homoj amas preter homoj.

Trad. *N. Kurzens.*

## Malgaja kor'...
— V. PLUDONIS —

Malgaja kor', ja kial vi sopiras,
dum la stelar' jam brilas sur ĉiel'?
Sopirojn for! Jam al la fino iras
de l' viv' la revoj kaj printempa bel'.

Neniam plu la ĝoj' senlima venos,
kiun ĝusentas tuta vivantar',
kiam tra agroj ondas la poleno,
volupte veas la arom-arbar'.

Malplenas ĉio... la koloroj palas....
Kor' batas, kvazaŭ entombigus min...
Kaj frostas, frostas mi ĉe l' cindre pala
kaj abomene fuma vivruin'.

Trad. *N. Kurzens.*

## Momento de ĝojo
— V. PLUDONIS —

Verdherbajn kampojn mi travagas sola.
Varmspire min karesas la somer'.
Ĉiela bluo fluas super ter'.
En ravaj revoj dronas mi, senvola.

Kontestas mi. En kor' deziroj ĉesas.
Anim' fandiĝas kun la univers'.
Kaj ĉio, ĉio iĝas bela vers'.
Por esti ĝoja, kiom nur necesas!

Trad. *N. Kurzens.*

---

fugo kaj glora oratorio kaj pli kaj pli varmege bruliĝis iliaj sonoj unuigante la Kreinton kun lia kreitaĵo. Kaj la animo de l' Satano ŝaŭmpleniĝis kvazaŭ de brulanta oro kaj ilia menso ebriiĝis, lia spiro haltis kvazaŭ de fumanta mirho kaj li sentis tion, kion li neniam sentis — ke liaj fieraj, malamplenaj okuloj pleniĝis de larmoj, kaj feliĉo, kiel varma printempo, superverŝis lian estaĵon. Sed la harmonioj iĝis ĉiam pli fortaj kaj pli varmegaj kaj volviĝis ĉirkaŭ iliaj kapoj kiel oraj fadenoj kaj fandiĝis en la sango kiel fajro, puŝtirante ilin pli kaj pli malproksimen.

La Satano ĉirkaŭprenis sian homon kaj demoneca ĝojo instigis ilin al danco. Kaj ĉi tiu danco iĝis pli kaj pli rapida, kiel turnventego, kiu plifortiĝante detruas montojn kaj levas oceanojn ĝis nuboj, kaj dancis la Satano, kiel renoviĝita, sian dancon de venko kaj vivo de unu stelo al alia stelo, tra nebuloceanoj kaj mondoj, sed ĉiam pli varmega kaj pli rapida iĝis la danco kaj pli forte kriis la nevidebla muziko kaj la granda feliĉo aliformiĝis je doloro en la animo de l' Satano kaj minacis sufoki lin kaj dum la freneza ĝojventego li ekkriis frenezan krion — — kaj vekiĝis . . .

— — — — — — — — — — — —

Li kuŝis sur nuda roko en montara altaĵo. La nokto estis malhela kaj ventega kaj grizaj nuboj, kiel ombroj, flugis orienten, sed la tero estis kvazaŭ mortinta.

La Satano sentis, ke en liaj okuloj estas io varmega, kaj ektimis. Ĉu larmoj?! Li ploris. La malvarma, fiera spirito! Dio ekde eterno!

Kaj li rememoris... Jes, tio estis sonĝo. Nur sonĝo. Sed ĉi tie denove ĝi estis — la tero de la homoj de Jehovo, kiuj vivas nur unu momenton kaj kuraĝas revi pri senmorteco, kiuj en agonio kliniĝas antaŭ tronoj de tiranoj kaj mortas je la honoro de sia Dio, kiuj jam de jarmiloj katenas sin kaj kiel limakoj rampas en koto kaj scias nur regi kaj obei!

Jen, ĝi vekiĝos, ĉi tiu tero, kaj la malestimataj kreaĵoj denove kuros sur siaj stratoj kaj serĉos eternan vivon kaj ne scios, ke morto sekvas ilin. Ha, eterna sklaveco, eternaj katenoj kaj eterna idoldomo! . . .

Kaj en doloro ektremis la Satano kaj de lia turmento ektremis la sensenta tero. Li ploris pro la homoj, pro la tero, kaj pro Jehovo kaj pro sia sonĝo, kaj liaj milkoloraj flugiloj tremis de doloro, kiel al pafvundita aglo, kiu mortante hakas ungegojn en rokon.

Trad. *A. Kazoks*

# La latva pentroarto

— R. Eicĥenbaums —

Ne tre longa, sed tre malfacila estis la vojo, kiun trapasis la generacioj de la latvaj pentristoj. Latvoj ne posedas centjarojn longan historion de l' arto, tial ankaŭ ne tutmonde konatajn majstrojn. Sed tio, kion ili sukcesis atingi sur ĉi tiu kampo de la kulturo dum kelkaj jardekoj, povas dece ekstari apud la samtempaj atingoj de iu ajn alia popolo.

La kaŭzo, kial nur antaŭ nelonge la latva popolo ekhavis reprezentantojn de pentroarto, estis la sepcentjara sklaveco sub la peza mano de feŭdaloj, devenantaj de fremda, latvojn malestimanta popolo. Nenio estis permesata al la latvoj, krom peza sklava laboro, por riĉigi la feŭdalojn per la fruktoj de propra, de ili forrabita tero. Eĉ la reformojn de l' iamaj Ruslandaj caroj ili penis neniigi per kalumniaj sciigoj al la registaro kaj per propravola ŝanĝo de la leĝoj. Ne sen kaŭzo latvoj havas proverbo: »Dio estas tro alte, caro — tro malproksime«.

La nacian kulturon de latvoj oni perforte malhelpadis. La krea spirito de la popolo tamen serĉis kaj trovis la vojon de esprimiĝo. Memkompreneble, la rezulto povis esti nur senpersona: ornamajoj, arto objekta, popolkantoj. Precipe la lastaj.

Nur dum la 60-aj jaroj de l' antaŭa jarcento aperas la unuaj nomoj de reprezentantoj de la latva arto : *K. Huns* (1830—1877) kaj *J. Fedders* (1836—1909). Sed ili ne povis montri sian latvan devenon. La peza mano de l' fremdnaciaj feŭdaloj ankoraŭ tro preme kuŝis sur la ŝultroj de ĉiu, kiu penis levi la kapon pli alte ol la amaso. Kaj ambaŭ nomitaj artistoj tro similas la tiamajn germanajn pentristojn.

La du sekvantaj: *A. Alksnis* (1866—1897) kaj *A. Baumanis* (1866—1904) estas jam pentristoj kun akre substrekita nacieco. Ili povis postlasi verkojn ne tre valorajn, tamen ilia socia valoro estas grandega. Ili ambaŭ oferis sin, por ke la popolo akiru eblecon de nacia spirita evoluo.

Post ĉi tiuj du jam sekvas multaj reprezentantoj, sed mi ne notu ilin ĉiujn, nur la plej grandajn. Kaj tre interesa persono inter ili estas *K. Uders* (1868—1915). Li eĉ unu momenton ne forgesas sian kamparanan devenon: pezaj koloroj, robustaj linioj, pezaj figuroj. Ne multajn oni trovos inter tiamaj tutmondaj pentristoj, kiuj povis tiel, kiel li, montri la ideon de fruktodona tero. Li ĉiam stilizas la formon, substrekas la ritmon de la moviĝoj kaj la pezecon de la senmovaj formoj. Vere latva, pli grafikisto ol pentristo, li ĉion faris ne sen »ia pli profunda senco«.

*J. Rozentals* (1866—1916) estas interesa ankaŭ kiel homo — li enhavis ĉiujn plej bonajn ecojn de latvaj inteligentuloj. Filo de simpla forĝisto, li havis tre fortajn volon kaj kredon al la arto kaj al sia povo. Por havigi vivrimedojn, li faris ĉiun laboron, sed tio ne povis lin pereigi, li tamen albatalis al si la rajton esti notita inter la famekonataj artistoj. Lin oni konas ne nur en Latvio, — lian nomon konas ankaŭ la grandaj Eŭropaj nacioj. Kaj ni fieras je li. Liaj bildoj »Tombejo«, »La tempo de falĉado«, »Post diservo« — povas esti komparataj kun tiuj de iu ajn popolo.

*V. Purvitis* (nask. 1872.) estas la plej klasika latva pentristo. Jam en la Akademio de Peterburg li ricevis »Prix de Rome« kaj post tio paŝis de unu atingo al alia. Nun li estas rektoro de Latva Akademio. Li havas jam ĉ. 200 grandajn bildojn kaj kelkajn centojn da pli malgrandaj skizoj. Nenie oni trovas ion malvaloran. Ĉiam freŝa, ĉiam interesa, multkolora, multlinia — tia estas lia verkaro. Ĉar pri li jam aperis artikoloj en franc-



J. Jaunsundrabinŝ — *Grenrikolto*

# PRINTEMPO FURIOZAS
## (OCUJA KOROSI)
### — JUN'IĈIRO TANIZAKI —

IV.

Ĉirkaŭ tri horojn post la foriro de Cuja kaj Tokubei batis la noktomezo, tiam Ŝinsuke forlasis la domon vestite kiel paĝio de gejŝo. Oni diris, ke la vilao en Mukooĵima estas trovebla post kelkminuta piediro de la sanktejo Akiba-Jinŝa, kaj tuj apud la rizkampo, faranta la parton de la vilaĝo Teraŝima-mura; kaj li piediris la vojon informitan. Oni konsilis lin veni per palankeno la duonan vojon, ĉar ĝi estis ĉirkaŭ kvar kilometrojn malproksima de ilia domo en Naka-ĉoo. Tamen li deziris profunde impresi sin per la meznoktaj vidaĵoj de la urbego — de la mondo, kiun tuj baldaŭ li estis forlasonta — por reveni neniam.

Paŝon el Naka-ĉoo, la loko de gajo kaj diboĉo, la stratoj kuŝis en profunda mallumo kaj silento; neniu ŝajnis maldormi en tiel malfrua nokta horo. Post la restado en Obana-ja dum la lastaj tri tagoj kaj du noktoj, enfermite en la supra ĉambro, sin donante al ekstrema plezurego kaj senbrida fiorgio, Ŝinsuke sentis sin tre refreŝigita kaj revivigita de malebriiga malvarmeta venteto, kiun elspiras la malfrua soleca nokto. Pasante la finon de la ponto Azuma-baaŝi, li okaze eksentis sin tre proksima al la hejmoj de la maljuna patro kaj la homo, kiu lin protektis. Li haltis, kunpremis la manojn tre humile, sin turnante al la direkto de ambaŭ domoj, kaj petis ilian pardonon per senvoĉaj vortoj de sincera preĝo, — »Mia patro, kaj sinjoro Kinzoo, pardonu min, ĉar morgaŭ mi estos en la manoj de la justo!«

Li transvenis la ponton Makura-baŝi. Kiam li venis sur la riverbordan avenuon, etendiĝantan sub la densa foliaro de la ĉerizarbaro, jen kuprokolora luno, kaviĝinta ĝis kvarono, pendis alte supre, speguliĝante sur la akvosurfaco de la larĝa rivero, kvazaŭ ĝi antaŭdirus ian malfeliĉon, kiun ĝi sola konas. Li haltis por paŭzi portempe antaŭ la nigra akvo, moviĝanta mallaŭte kaj malrapide, kaj rigardis la stelojn plene dismetitajn sur la senlima ĉielo. Nur malofte, tegmentitaj ŝipetoj, portantaj pasaĝerojn al Joŝiŭara, venis vage jen unuope, jen duope, kaj forglitis returne sur la forlasita akvovojo al la direkto de la kanalo Sanja.

Kaj, nu, kia povas esti la konspiro, kiun Cuja partoprenis kun Tokubei, li meditis dube. Tro kuraĝa por sia junaĝo! — la vortoj, diritaj de Kinzoo, kiam li hejmenvenis de la vizito al Naka-ĉoo, do, ŝajnis al li ne senkaŭza klaĉaĵo de la kvartalo. Li estus povinta vivi kun Cuja, kiel edzo kaj edzino, se li nur ne estus pleniuminta la teruran krimon; — tia penso okupis lin de antaŭe. Tamen, se la klaĉaĵo estus ne senkaŭza, li ne povus al ŝi edziĝi, eĉ se li estus senmakula. Kiam li venis al tia penso, al li ŝajnis, ke nun estas tiom pli facile rezigni ĉion. — Ĉagrene ripetante tian penson en la koro, li sekvis la vojon malsupren al la riverbordo de Mukooĵima.

Li facile trovis la kamparan vilaon de la oficiro en Teraŝima-mura. Li jam estis sufiĉe bone preparata, kiam li aŭdis pri la loko, ke ĝi estas vilao de oficiro gardanta la Ŝogunon. Kaj tamen, li rigardis kun granda surprizo la tutan domaspekton, imponan eĉ en nokta mallumo; la korton ĉirkaŭis la bariloj el solide plektitaj bambulatoj kun heĝo kreskanta tuj malantaŭ ili. Ĉio montris la prosperajn cirkonstancojn de la posedanto. Tra la spaceto de la malantaŭ pordego, li enrigardis kaj trovis la pordon kondukantan al la terparto de la kuireja angulo. Malgraŭ la profunda nokto, ĝi estis lasita malfermita preskaŭ unu metron larĝe, kaj el ĝi ĵetiĝis malforta lanternolumo, — sed aŭdiĝis nenia voĉo.

»Bonan vesperon! Mi petas! Mi venis de la gejŝa oficejo de Naka-ĉoo.«

Li sin anoncis enirante tra la pordego, ĉar li trovis la pordegon neriglita.

»Kio pelis vin ĉi tien de la oficejo en tia horo?«

Demandis viro kun servista aspekto, elmetante nur la kapon kaj lanternon el la malfermaĵo de la kuireja pordo, kaj suspekteme esploris per rigardo la malfruan vizitanton, lumigatan en la lumo al li direktita.

»Ha,« — kaj Ŝinsuke donis timeman ridon apologie —, »Oni sendis min por hejmenakompani fraŭlinon Somekiĉi — —«

»Kio? Por akompani Somekiĉi-n? Fermu la buŝon, friponeto!« La viro interrompis lin per insulta kriego. »— Do, ankaŭ vi estas kunfripono; sed vi venis tro malfrue! Finita estas via afero! Vi volis fari azenon el nia Mastro kaj pertrompi konsiderindan monsumon, ĉu ne? Nu, jen vi havas —«

Frapite de la voĉtondro, Ŝinsuke paŭzis senvorte kaj gape, sin perdante portempe en malcerta korkonfuzo, tiam, abrupte, indigna voĉo aŭdiĝis el la dominterno.

»He, ĉu vi nomas min trompisto? Ĉu via kapo nun estas malplena kiel via monujo? Vi volis la knabinon kaj al ŝi donis monon — kaj nun, ba! ĉu vi nomas ĝin trompo? Velku la lango, kiu babilaĉas!«

Estis sendube Tokubei, kiu blasfemis kriante en indigno.

»Nun finita estas nia afero. Nenion mi bezonas do kaŝteni. Jes, certe estas kiel vi divenis, — mi rolis kun Tokubei kaj volis vin trompi. Kaj nu, aŭskultu, sinjoro Serizaŭa, vi ja estis sufiĉe malsaĝa por trompiĝi. Do, vi devas rezigni ĉion, se vi estas viro, — kaj ne diru pli. Sed, se tio ĉagrenas vin tiel ege, ke vi ne povas pensi tiamaniere, — bone! batu min, piku min, aŭ faru iel ajn per io ajn. Sed mi ne redonos la monon, mi certigas, — kiom ajn granda estas la sumo. Kion mi havas, tio estas mia, kaj restos tiel. Jen, ĉio!«

Poste silento regis en la domo dum kelke da momentoj, — silento, simila al tiu antaŭ la ŝtormo, —

---

aj, germanaj, rusaj, anglaj, amerikaj kaj aliaj ĵurnaloj kaj gazetoj, mi opinias, ke li jam estas eksterlande konata, do mi ne tro longigu la priskribon.

Ĉi tiuj tri lastaj artistoj estis la kaŭzo, ke la latva pentroarto povis »ekesti« kaj »ekzisti«. Kaj tiam, kiel liberigita printempa akvo, la fluo de latva kultura vivo gaje pasis kelkajn jardekojn, ĉiam akirante, ĉiam kolektante ion novan. Mi ne notu ĉiujn nomojn, mi ne menciu ĉiujn verkojn, mi diru nur: venu kaj rigardu niajn muzeojn kaj privatajn kolektojn. Vi ne bedaŭros!

Kaj kiu ne povas veni — mi esperas, ke baldaŭ ni havos okazon skizi antaŭ la internacia legantaro bildon pri la moderna latva pentroarto.

Eĉ dum ŝi daŭre kriadis, ŝia vivo ŝajnis jam finiĝonta, ŝia voĉo fariĝis ĉiam pli kaj pli malforta, ĝis fine ŝajnis, ke ŝia sekvonta vekrio faros al ŝi la finon.

»Diablo! Ho, mi mortas! Helpu min, Ŝin-san!« Ŝi eligis ŝirkrion ankoraŭfoje.

Apenaŭ ŝi finkriis, kiam Ŝinsuke pikpelis la tranĉilon, rabitan antaŭ momento, en la dorson de la viro, forke sidanta sur ŝia falinta korpo. Neniom malfortigite pro la trapiko, Tokubei sin ĵetis en liajn brakojn, batis, bategis, mordis, gratis en sovaĝa frenezo. Ŝinsuke ne spertis tiel impetan reziston, kiam li mortigis San-ta'n aŭ la boatistedzinon. La du viroj ne ĉiam povis stari sur la piedoj. Ili ruliĝis, falegis, ĵetiĝis kaj taŭzis la harojn, — ili batalis tiel furioze, ke oni ne povis rekoni ilin, ĉu homoj aŭ bestoj. Estis post kelke da momentoj, ke Ŝinsuke, preskaŭ hazarde, enigis sian tranĉilon en la molan flankon de la kontraŭulo.

»He — he — hej, Cuja! Mi mortas, sed mia malbeno restos sur vi!« Tokubei laŭte kriis kaj donis konvulsian tremeton. Sammomente la dua bato trapikis lian koron. Kun akra vekrio, ankoraŭ kroĉiĝante al liaj brakoj, Tokubei nun rigidiĝis.

»Kion signifas la malbeno de mizera rataĉo! Jen vi ricevis pagon!« diris Cuja.

»Ha, estas la tria, kiun mi mortigis! Ĉio estas finita. — Pro la ĉielo, mortu nun kun mi!« — diris Ŝinsuke forskuinte la kadavron, al li kroĉiĝantan; kaj liaj dentoj klakis pro neregebla tremeto.

»Kion vi diras? Por kio ni mortigis lin? Ĉu por morti jam? Vi ja malmoraliĝis sufiĉe profunde. Kial do ne resti tiamaniere kaj ne rikolti ĉion, al ni donotan estonte? Cetere, kiu ekscios ĉi tiun aferon, se ni nur ne malfermos nian buŝon? Kial tiu malsaĝaĵo! Nu, estu kuraĝa. Mi ne volas morti, — ne, neniam!«

Ŝinsuke ne estis plu la mastro de sia koro. Li nun sciis, ke li rekte falis en ŝiajn manojn, kaj tamen, starante antaŭ ĉio ĉi, li fine permesis al si delasi la decidon, kiun li tiel obstine konservis dum la pasintaj tri tagoj.

»Do, ĉu vi konsentas por mi? Ho, kia feliĉo!« kriis Cuja, kaj ĉirkaŭdancis por la ĝojego; fine saltis al lia brusto plenmakulita de sangoŝprucaĵo.

Ŝinsuke restis flanke, rigida kiel mortinto, profundiĝante en medito; dume ŝi komencis ordigi la kadavron sen lia helpo. Unue ŝi ŝovis sian manon en ĝian bruston kaj eltiris monujon enhavantan cent »rjo«-ojn, kiujn, laŭ ŝia vorto, la mortinto ne bezonis por vojaĝi al Hadeso. Ĉiujn vestaĵojn, zorge demetitajn, ŝi ŝnurligis en negrandan paketon. Ŝi intencis forporti de la loko ĉiujn aĵojn, kiuj povus servi kiel atestaĵoj de la krimo. Fine ŝi prenis la razilon kaj faris tranĉojn sur la tuta vizaĝo de la kadavro, kaj ĝin profundigis en la ŝlimon de la rizkampo. La kadavro nun estis tute nerekonebla, eĉ se oni foje ĝin trovos.

Ili elektis plej senhoman vojeton por reveni al Nakai-ĉoo. Malfrue en tiu nokto, ili ŝtele eniris en sian domon.

*(Daŭrigota)* El la japana: *Joŝiŝi Ŝimomura*



J. Fedders *Tombejo*

rompata nur de klarsona voĉo de Cuja, kiu daŭrigis la insulton firmkore sen ekscito.

Pasis malmultaj momentoj, — jen aŭdiĝis kolera muĝego de Tokubei;

»Ja vi eltiris la glavon!«

»Fi, glavosvinganto! Gardu vin ne tranĉi vian kapaĉon!«

Cuja eligis akran ŝirkrion. Sammomente aŭdiĝis piedbruo de kelkaj personoj interbatiĝantaj en tumulta konfuzo.

Frakasiĝo de ekrano; peza bruo sur la planko; akra tinto de klingo kontraŭ klingo; momento da hezito, subite sekvata de dolora vekrio. Tute abrupte, Tokubei elkuris al la kuirejo, kun la ronda vizaĝo kovrita de sango. Salte lin sekvis Cuja, kun haroj disvagantaj, nur por tuj halti kaptite de la oficiro ĉe la kolumo de malantaŭe. Tirpremite ŝi kuŝiĝis sub la glavo, svingata super la kapo kaj jam preta por tuja ekbato.

Sen vorto aŭ krio, Ŝinsuke saltis surplanken de la kuireja terparto; li volvis siajn brakojn ĉirkaŭ la dekstran manon de la oficiro.

»Via indigno estas prava, sed senkulpa ŝi estas! Ŝparu al ŝi la vivon, mi petegas!«

»Kiu vi estas?«

La oficiro demandis sin turnante kaj mallevante la glavon. Ŝinsuke trovis lin viro belaspekta kun graciaj trajtoj, pure razita, kaj havanta ĉirkaŭ tridek-kvar aŭ -kvin jarojn, — vestita per vesto el brunnigra delikata silko kaj larĝa zono el nigra veluro, — homo kun respektinda eksterajo.

»Mi estas paĝio sendita de Nakaĉoo por hejmen akompani fraŭlinon Somekiĉi. Kio ajn estu la kaŭzo de ĉio ĉi tio, vi estas homo de althonorataj nomo kaj pozicio. Bonvolu esti pardonema kaj savu ŝin — kaj vin mem de la skandalo! Mi petas, bonvolu remeti la glavon en la ingon!«

»Mi do toleros por la hodiaŭa nokto.« Ŝin forpuŝinte Serizaŭa diris, »Kaj la mono — por kio ajn ĝi estis — estu via, ĉar mi nomas ĝin adiaŭa pago. Kaj neniam plu mi permesos al vi viziti min denove.«

Dirinte tion la oficiro rapidpaŝe malaperis internen.

»Fi, sensencaĵo! Viziti vin denove? — Ne, eĉ se vi petus, ne, sentaŭgulo!«

Cuja ĵetis blasfemon al li de malantaŭe, malŝatege rigardante.

La servisto estis nenie trovebla. Tie nur Tokubei kaŭris sur la sojlo, la vundita kapo en la manoj, ĝemante en agonio. Li ricevis profundajn vundojn, ne nur ĉe la kapo, sed ankaŭ ĉe la supra brako kaj sur la femuro. Ne konvene al viro kutime kuraĝa kaj ŝtonnerva, li nun dolortordiĝadis spasme kaj konvulsie, kvazaŭ karnomaso mortanta.

»Cuja! Cuja!« li vokis spiregante per malforta voĉo. »La vundoj estas seriozaj kaj la sango tiel perdiĝas, ke mi baldaŭ ne vivos plu. La hundo Serizaŭa! — Petu helpon de sinjoro Ŝinsuke kaj hakmortigu por mi la hundaĉon! Venĝu al li mian morton!«

»Ne estu malsaĝa! Kia kanto nur pro tiaj gratajoj, — vi malhonoros vian nomon! Ŝajne la servistaĉo forkuris ien. Ne perdu tempon do; apogu vin al mi, kaj ni forkuru antaŭ ol la oficiroj alvenos!«

Cuja prenis la manon de Tokubei maldelikate, kaj levis lin brave, metante liajn brakojn trans siaj ŝultroj.

La mencio pri oficiroj donis al Ŝinsuke grandan konsternon. Se li estus tie kaptita, post la antaŭaj krimoj, kiel li povus sin klarigi pri la nuna malbonfaro, al kiu li ne estis partia! Sed tamen, li ne povis forlasi ilin en tiu ĉi situacio. Li donis helpon al Cuja. Inter si, la paro tenis Tokubei-n, tirante lin per liaj ŝultroj, kaj tre baldaŭ ili trovis sin kurantaj rapidege.

Laŭ la dezerta vojeto inter la malantaŭaj muroj de la loĝejo kaj la rizkampoj, la tri kuris dum kelke da minutoj, kaj rampis en la ombron de arbareto; kaj nur tiam ili spiris iom libere. Feliĉe, oni trovis nenian signon de persekutantoj. Ŝinsuke elprenis viŝtukon el sia brusto kaj ŝirinte ĝin en longan pecon, li bandaĝis la vundojn ankoraŭ flue sangantajn. Ĉiuj tri estis sangomakulitaj tiel egale, ke oni ne povis facile vidi, kiu estas la vundito.

»Por ĉio farata de vi, sinjoro Ŝinsuke, mi vin dankas tutkore!« diris Tokubei sin apogante sur la genuoj de Cuja, kiu sidis ĉe la vojrando, kaj lia voĉo havis tonon de profunda kortuŝo.

»— Nur venigu min hejmen, kaj mi estos savita. Kaj mi ŝuldos mian vivon al vi!«

»Jen, ĉefo, ĉu vere vi sentas vin firma? Ĉu vi pensas, ke vi estas kapabla piediri?« Demandis Cuja post ioma ripozo, kaj ŝia voĉo ŝajnis plena de bonkoreco kaj proama zorgemo. »Se vi ne povas piediri, ni du portos vin surŝultre. Nur stariĝu, kaj provu, kiel vi povas iri.«

»Ho, nun mi sentas min sufiĉe bone,« li respondis ekstarante surpiede, sed tuj li falis surgenuen. Li apenaŭ sukcesis sin apogi denove sur ŝiajn brakojn.

»Aŭdu, ĉefo! Vi ne povos iri en tia stato, mi vidas. Kial do ni lasu vin suferi tiel longe, kiam mi povas doni al vi tion, kion vi bezonas por vin rapidigi — al infero!«

Per abrupta mansvingo, Cuja ekkaptis la hartufon de la ŝanceliĝanta viro kaj lin ĵetegis teren kun resonanta peza bruo. Nun el la faldoj de sia larĝa zono, ŝi elprenis brilantan razilon, tie portatan nerimarkite, kaj ĝin svingis super lia vizaĝo ĉielen turnita. Preskaŭ samtempe li kaptis ŝian manon; streĉante la lastan forton ankoraŭ en li restantan, li turnis sin kaj forskuis ŝian korpon. Tuj tiam li salte ekleviĝis, —

»Se mi devas morti, ankaŭ vin mi kunprenos!« li kriegis indigne, kaj sin ĵetis antaŭen por ŝin ataki, svingante sian kurboforman tranĉilon. Por la troa neatenditeco kaj la nigra mallumo, Ŝinsuke tute ne sciis, kion fari, kaj nur kuradis konfuzite tien kaj reen ĉirkaŭ la du korpoj interbatalantaj en la lasta furiozo. En tiu ĉi sencela agitiĝo, liaj palpantaj manoj ektuŝis la kolon de Tokubei, sin kroĉanta al ŝiaj piedoj. Tuj, li metis sin inter ili kaj apartigis la du korpojn.

»Vi estas al ŝi partia, mi supozas! Venu, hundaĉo! Mortigu min, se vi volas!«

La vundito kriegis, kaj nun, en diabla furiozo, sin ĵetis kontraŭ Ŝinsuke, kiu tamen rapide forprenis la batalilon el lia mano.

Dume Cuja leviĝis kaj ĵetfaligis lin balaante liajn piedojn for de la tero. Denove sekvis streĉa interlukto. Kvankam de vundito, la vira forto superis la virinan. Li fine subpremis ŝin surdorsen, la manoj ĉirkaŭpremis ŝian kolon tiel, ke ŝi estis sufokota en ĉiu momento. Se ankoraŭ iom da forto restus en la vundito, ŝi devus esti sufokita jam tiumomente. La forto de Tokubei portis lin ĝis ĉi tio; sed ne pli; subite li sentis sin elĉerpita.

»He, kion vi faras, Ŝin-san?« Cuja kriis por helpo, streĉante duonsufokitan voĉon.

»— Li mortigas min! — Jen estas ŝanco donita hodiaŭ nokte, ĉu vi ne vidas? Donu la finon al tiu ĉi Tokubei — la hundo estas mortanta ĉiuokaze, — kaj tio signifas liberiĝon — ne sole vian, sed ankaŭ mian. Neniam venos pli bona ŝanco por fendi lian kranion! Pro Dio, nu! — venu kaj lin . . .«



# OBSERVO

TREZORSERĈO INTER MALNOVAJ LIBROJ. Malmultaj el ni povas entrepreni serĉadon de pirata rabakiraĵo delonge perdita. Sed por ĉiu el ni ekzistas, tute proksime al nia hejmo, *trezoro* kvazaŭ atendanta malkovriĝon. Kelkaj jam trovis ĝin kaj pluraj gajnas sian vivon per ĝi.

Nur malmultaj personoj konscias, ke efektive *centoj* da bone konataj amerikaj libroj fariĝis valoraj dum la lastaj jaroj; kelkaj eĉ tre valoraj. Neniu el tiuj volumoj multe pli malnovas ol cent jarojn. Ili troviĝas jen en libro-ŝrankoj aŭ subtegmentoj, jen ĉe brokantisto aŭ ĉe aŭkcioj; oni povas ilin malkovri same en kampa distrikto kaj en metropola centro. Verdire la vilaĝano havas eĉ pli da bonaj okazoj ol la urba libroĉasanto. La farmisto aŭ la vilaĝano ne tiom emas traserĉadi kaj esplori sian hereditan posedaĵon kiom la urbloĝanto.

Nu, kial tiuj libroj estas valoraj? Kion oni devas scii por ilin eltrovi? Kiom ili valoras? Kiamaniere oni povas ilin ŝanĝi kontraŭ mono?

Tiuj libroj valoras, ĉar ili estas maloftaj kaj gravaj. Teknike ili estas konataj kiel »unuaj eldonoj«.

En 1850 publikiĝis en Boston libro nomata »Scarlet Letter« (Skarlata Letero) de Nathaniel Hawthorne. Oni ne scias, en kiom da ekzempleroj la eldonintoj ĝin presigis, unu el tiuj ekzempleroj signifas sumon de 750 dolaroj por librokolektantoj.

La serĉado de libro-raraĵoj postulas detalan konon de la gravaj libroj aperintaj en nia lando, de la datoj de la unuaj eldonoj, kaj foje de specialaj informoj necesaj por identigi la preferindajn ekzemplerojn. Ekzemple, koncerne »Scarlet Letter« estas sciinde, ke la ekzempleroj valorantaj 750 dolarojn ne nur devas titolpaĝe datiĝi je 1850, sed ankaŭ enhavi preseraron sur la 31-a paĝo, 20-a linio: vi tie trovos la vorton »reduplicate« anstataŭ »repudiate«.

Ĉiuj tiaj informoj estas riceveblaj. Publikaj bibliotekoj posedas fakajn verkojn pri tiu temo, kaj racia studado rapide vin instruos, kion vi devas serĉadi. La rekompenso certe valoras la penadon.

La gemo de la amerikaj libro-raraĵoj estas eta volumo aperinta en Boston en 1827 kaj verkita de la fama majstro Edgar Allan Poe. Ĝi titolas »Tamerlane and other Poems written by a Bostonian« (Tamerlane kaj aliaj Poemoj verkitaj de Bostonano). Tiom malofta estas tiu volumeto, ke sendifekta ekzemplero kostas eble 10.000 dolarojn. Ĝis nun, eĉ ne 10 ekzempleroj estas retrovitaj, sed kiu scias, ĉu bonŝanculo ne malkovros unu novan?

Aliaj valoraj libroj estas »Fanshawe: A Tale« (Fanshawe: Rakonto) de Nathaniel Hawthorne eldonita en 1828, kaj nun taksata je 5000 dolaroj; »Prose Romance. Number I« (Proza Romanco, N-ro I) verkita de Poe, 2000 dolaroj. Kompreneble ne ĉiuj raraj libroj atingas tiajn sumojn. Ekzemple la unua eldono de tiu fama primara rakonto »Moby Dick« de Herman Melville, eldonita en 1851 estas 500-dolara libro, »Little Women« (Virinetoj) de Louisa May Alcott, duvoluma verko datita je 1868—69, estas 400-dolara libro, la unua eldono de »Uncle Tom's Cabin« (La Kabano de Onklo Toĉjo) de Harriet Beecher Stowe aperinta en 1852, 300-dolara libro.

Tamen ne ĉiuj trovindaj libroj estas malnovaj. Ekzemple »Stories Without Women« (Rakontoj sen virinoj) de Donn Byrne, eldonita en 1915 jam atingis 100 dolarojn. La unue aperinta verko de la amerika dramaŭtoro Eugene O' Neill, kiu publikiĝis en 1915 sub la titolo »Thirst« (Soifo) altiĝis je 50 dolaroj en la libroserĉaj medioj. La plej nova ekzemplo estas »Anthony Adverse« de Hervey Allen, nun taksita je 15 dolaroj, kvankam ĝi aperis nur en la lasta jaro.

Ŝanĝi rarajn librojn kontraŭ mono estas la lasta paŝo. Tiucele tri vojoj malfermiĝas antaŭ la libroĉasanto. Privatan kolektanton oni renkontas pli malpli facile, kaj, eĉ se oni trovas lin, povas esti, ke li ne interesiĝas ĝuste pri la libro, kiun vi al li ofertas aŭ ne povas, pro financaj kaŭzoj, ĝin aĉeti.

La dua eblo troviĝas en libroaŭkcio. En New-York kaj Chicago, okazas ĉiuvintre publikaj aŭkcioj pri raraj libroj. Kiu ajn povas tien sendi vendotajn valorajn librojn. Oni postulas pagon de la kostoj por enregistro kaj priskribo de la ekzemplero en la vendkatalogo. Krome estas pagota procento el la vendoprezo. Vendado ĉe aŭkcioj iom similas hazardludon, ĉar la prezo, kiun vi ricevos, dependas de la intereso de la aĉetonto.

Finfine restas la libro-brokantisto. Evidente li pagos al vi nur parton de la efektiva valoro de la volumo, ĉar li ja deziras profiton. Verdire tion pravigas, ke li mem devos trovi kolektanton, kiu aĉetos la libron. Kiel monakira rimedo dum liberaj horoj, la libroĉasado ne nur donas materian profit-eblecon, sed ankaŭ la eksciton de serĉado kun apenaŭ pli da investo ol nura tempo kaj kono.

*L. A. Brewer*

---

La kliŝojn pruntedonis la Latva Telegrafa Agentejo, Riga kaj ni dankas sron direktoron *A. Roze* por la afableco.

La redakton de ĉi tiu numero afable kunhelpis sro *N. Kurzens*, Riga.

---

**Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro**

*Jubili:* ĝojkrii, ĝojekzaltiĝi; *hasta:* senpacience, nervekscitite rapida; *robusta:* fortika, fortoŝvela; *ŝpuro* postsigno; *trista:* malĝoja, malgaja.

# NIAJ ELDONAĴOJ

**Verkoj de JULIO BAGHY:**

**Danci Marionetoj**, noveloj tolb. 5.40, broŝ. — — 3.40
**Migranta Plumo**, noveloj tolb. 4.60, broŝ. — — 2.70
**Viktimoj**, romano tolb. 7.40, duont. 5.60, broŝ. — 5.—
**Hura!** romano tolb. 10.— broŝ. — — — — — 7.40
**Preter la Vivo**, poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — 2.—
**Pilgrimo**, poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — — 1.80

**Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:**

**Lingvo, Stilo, Formo** tolb. 4.90, broŝ. — — 3.—
Malkara eldono bind. 2.50, broŝ. — — 1.50
**Streĉita Kordo** tolb. 5.70, broŝ. — — — — — 4.—
**Rimportretoj** tolb. 4.50, broŝ. — — — — — 3.—
**Eterna Bukedo**, Internacia poemantologio, 352 paĝa. Duonlede bindita — — — — — 11.30
**Madách: Tragedio de l' Homo** luksa 5.50, simpla 4.—
**Petőfi: Johano la brava** luksa bind. 7.—, simpla bind. 5.20, broŝ 1.50
**Goethe: Romaj elegioj; La Taglibro**, silkebind. — 5.— bind. 3.—, broŝ. 2.—
**Hungara Antologio** bind 14.—, broŝ. — — — 12.—
— **G. Waringhien: Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa Gvidlibro** bind. 5.—, broŝ. — — — — 3.60
**Dante: Infero** bind. 11.—, broŝ. — — — — 8.80
**Hekler: Arthistorio** I. bind. 15.—, broŝ. — — — — 13.—
**Bleier—Kökény—Sirjaev: Enciklopedio de Esperanto** vol. I. A—J bind. 15.—, broŝ. — — — — 13.—

**ALIAJ VERKISTOJ:**

**S. Asch—I. Lejzerowicz: La Sorĉistino el Kastilio** romano bind. 5.—, broŝ. — — 3.50
**Grenkamp — Brzekowski: Pri l' Moderna Arto** bind. 9.—, broŝ. 7.—
**J. Forge: Mr Tot aĉetas mil okulojn** — Romano bind. 5.80, broŝ. 4.—
**Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando** bind. 2.50 broŝ. 1.50
**Francisko Szilágyi: Trans la Fabeloceano** novelaro bind. 4.50, broŝ — 3.—
**Szilágyi: La Simpla Esperanto** (gram. por hung.) broŝ. 1.35
**Teodoro Schwartz: Modernaj Robinzonoj** broŝ. — 1.50
**La Pentroarto en la malnova Hungarujo**, kun 95 ilustraĵoj duonlede bindita — — — — — 15.50
**L. Totsche: De Paĝo al Paĝo** studoj bind. 4.—, broŝ. 2.50
**Engholm: Homoj sur la Tero** romano bind. 5.—, broŝ. 3.60
**Engholm: Infanoj en Torento** romano, bind. 3.50, broŝ. 2.—
**Kenelm Robinson: Homarisma Laboro** broŝ. — — 0.60
**I. Sirjaev: Peko de Kain** broŝ. — — — — — 1.—
**H. Weinhengst: Turstrato 4.** romano bind. 5.50, broŝ 4.—
**E. Aisberg: Fine mi komprenas la radion!** bind. — 6.— broŝ. 4.50
**K. Karinthy—L. Totsche: Vojaĝo en Faremidon** broŝ 1.20
**K. R. C. Sturmer: El Notlibro de Praktika Esperantisto.** bind. 4.—, broŝ. — — — — — 2.50
**Slonimski—Grenkamp: Mia vojaĝo en Sovetio** bind. 4.20, broŝ. 2.70
**Teodor Herzl—B. Selzer: La juda ŝtato** bind. 4.—, broŝ 2.50
**Hungara Slosilo** — — — — — 0.18

**Prezoj en svisaj frankoj!**

Aldonu 10% por sendkostoj

# Niaj reprezentantoj:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 185 Exhibition Str.
**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto **Antwerpen,** Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.
**BRITUJO:** Alec Venture, **Mitcham,** (Surrey) 42 Hawkes Road.
**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.
**ĈEĤOSLOVAKIO:** Otto Sklenĉka, **Hradec-Kralové.** Poŝtkonto nro: Brno 110.878.
**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.
**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallin,** Poŝtkest 6.
**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.
**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084
**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a
**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.
**NEDERLANDO:** Leo Moreau, **Arnhem,** Esperanto-Domo poŝtkonto nro 13848.
**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esp-ista, **Oslo,** Bergsliengata 11.
**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.
Izrael Lejzerowicz, **Lodz,** Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.
**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15
**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.
**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, **ST. Gallen** C. Gallusstrasse 34. Poŝtkonto: Nr. IX. 53.44.
**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) 556 State Str.
**ALIAJ LANDOJ** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton **al P. K. O. Polujo,** Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo. Internaciajn poŝtajn respond-kuponojn ni akceptas en la valoro de 0.30 sv. fr. por unu. Aldonu 10% por sendkostoj.

# *Zamenhofa tago 1934*

# GRANDAJ PREZMALALTIGOJ

validaj por mendoj, faritaj plej malfrue la 15-an de decembro 1934. Post tiu dato mendoj estos plenumataj nur laŭ la malnovaj prezoj.

| | Ordinaraj prezoj en sv. fr. afrankite | Malaltaj |
|---|---|---|
| JULIO BAGHY: Dancu Marionetoj | 3.80 | 1.45 |
| JEAN FORGE: Mr. Tot aĉetas mil okulojn | 4.40 | 1.85 |
| FRANCISKO SZILÁGYI: Trans la Fabeloceano | 3.30 | 1.85 |
| FREDERIKO KARINTHY–L. TOTSCHE: Vojaĝo en Faremidon (nur broŝ.) | 1.32 | 0.72 |
| K. R. C. STURMER: El la Notlibro de Praktika Esperantisto | 2.75 | 1.45 |
| ŜALOM AŜ–IZRAEL LEJZEROVICZ: La Sorĉistino el Kastilio | 3.85 | 1.85 |
| KOLOMANO KALOCSAY: Lingvo, Stilo, Formo | 3.30 | 1.50 |
| KOLOMANO KALOCSAY: Eterna Bukedo | 9.90 | 4.80 |
| GOETHE–KALOCSAY: Romaj Elegioj | 2.20 | 1.20 |
| DANTE - KALOCSAY: Infero | 9.70 | 4.80 |
| LUDOVIKO TOTSCHE: De Paĝo al Paĝo | 2.75 | 1.45 |
| EŬGENO AISBERG: Fine mi komprenas la radion | 5.— | 2.40 |

Ĉiuj prezoj por broŝuritaj libroj. Por binditaj libroj oni devas aldoni por ĉiuj libroj po 1.— svfr. Minimume mendebla kvanto la valoro de svfr. 3.—

Mendojn plej malfrue ĝis 15-a de decembro akceptas la eldonejo de Literatura Mondo, niaj reprezentantoj kaj ĉiuj esperantistaj librovendistoj.



# Universala Esperanto Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.

*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝan Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizajoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.

*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el Esperartikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el Esperanto-literaturo.

Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto »Esperanto«,

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.


Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.